4-a JARO, N-o 5 (41) Nova Serio 10. JULIO 1936

# SENNACIECA REVUO

Organo de
SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA.
Fondita en 1921

APERAS MONATE REDAKTEJO, ADMINISTREJO: 67, avenue Gambetta, Paris 20. APERAS MONATE

Poŝtĉekaj kontoj je nomo de SAT-Paris : Bruxelles n-o 350 189, S'Gravenhage n-o 211 533, Kopenhago n-o 4 986, Paris n-o 1234 22, Stokholmo n-o 74 153, Wien n-o D-109 068, Zagreb n-o 41 448, Zürich n-o VIII-200 49. Alilande oni pagu per poŝtmandato je nomo de SAT, bonvalutaj devizoj en rekom. letero aŭ bankĉeko je nomo de « Bannier ».

# AKTUALAJ PROBLEMOJ

Por tiuj, kiuj per sia propra fizika k spirita fortoj devas sin subteni, la vojo estas longega k tre malglata al la « teraj nutraĵoj ». Eĉ la plej multaj homoj, precipe tiuj, kiuj falis el la procezo de l' produktado, ne povas atingi tiujn naturajn k sincerajn ĝojojn de la realo, k tiujn eblojn de la plena validiĝo de instinktoj k emoj, kiujn oni nomas « teraj nutraĵoj ». Verŝajne pro tio oni ankoraŭ multope sopiras la ĉielajn nutraĵojn. Vivi per la teraj nutraĵoj signifas : plene vivi, intense vivi, eĉ kelkfoje, en bezonataj kazoj, vivi danĝere. La bestoj grandparte vivas tiel — memkompreneble ne la domaj bestoj. La homoj ne povas vivi tiel, eĉ ne la plej primitivaj : iuj fundamentaj, internaj, malhelpoj malakcelas ilin k verŝajne ĝuste tiuj malhelpoj diferencigas ilin de la ceteraj bestoj. Ĉi tiuj implikaj, malhelpaj fortoj apartenas al la regno de la psikologio.

Sed pli aktuala demando estas kio malhelpas la homamasojn de l' nuna socio en tio, ke ili povu mordi en la terajn nutraĵojn, ankoraŭ sufiĉe grandkvante ekzistantajn, kion la fundamentaj malhelpoj ne malpermesas al ili ? Ni jam abnegaciis pri tio, ke ni povus vivi tute perfekte : bestece. Sed kial ni ne povas vivi almenaŭ *duonperfekte, homece* ? Kial devas la plimulto de la homoj vivi kun degenerinta aŭ deformiĝinta individueco en la nuna socio, kiu laŭ aserto baziĝas sur la individuismo ?

Por ke ni povu ricevi respondon al tiuj demandoj, ni devas iom studi la rilatojn de tri konceptoj. Ĉi tiuj tri konceptoj la individueco, la malriĉo k la singardemo. Verdire, familia interligo estas inter ili. Ilia interligo estas dialektika. El la geedziĝo de l'individueco k malriĉo, el tiu monstra kunesto naskiĝis la singardemo. Ĉi tiu trimembra familio estas la plej esenca, spirita triunuo, la tielnomata profana familio de l' kapitalista sociordo. La individueco sub la efiko de l' malriĉo transformiĝas en sian propran kontraŭon singardemo. Finrezulte, kio estas la individueco, pri kio en nia epoko tiom multe oni disputas ? Ankaŭ ĝin ni povas kompreni nur dialektike : la individueco verdire estas procezo, libera moviĝo de l' anima k spirita funkcioj, finsento de l' sentoj, finpenso de l' pensoj, libera validiĝo de l' ebloj k diversaj kapabloj de la persono. Oni kutimas diri al la timema, klopodema junulo : kuraĝu fariĝi tio, kio vi vere estas ! Estiĝi individuo signifas : liberigi la produktofortojn k diversajn kapablojn en ni estantajn.

Sed la singardemo estas la kontraŭo de ĉio. Esti singardema signifas retiriĝi de antaŭ la danĝeroj, obei al la trudaj situacioj, subpremi la animajn k spiritan funkciojn kontraŭ nia konvinko, taktike transformi aŭ ĉirkaŭtondadi niajn eblojn k kapablojn. La singardemulo ne kuraĝas elmontri siajn diversajn kapablojn, ĉar li ne kuraĝas fariĝi tio, kio vere li estas. La singardemo katenas la produktofortojn en ni estantajn, do la singardemo estas kontraŭo de la libero. Ni ĉiuj bone scias, kion signifas la singardemo, kiu povas konduki al la plej profunda senmoraliĝo k radike mortigas la plej grandajn homajn valorojn. La nunan epokon, la epokon de l' dekadenca kapitalismo, ni povas nomi epoko de la singardemo.

En dependa situacio estanta homo ĉu instruita, ĉu simpla laborulo, antaŭ ol li faras, esprimas ion kiel ajn, ĉiam devas konsideri ĉu la farotaj agoj, esprimoj ne endanĝerigos tiun viveblon, tiujn cirkonstancojn, en kiuj la koncernato troviĝas. La ekspluatata homo ne povas ion novan iniciati, ion perfektan krei, kio estus pli konvena por li. La singardemo malhelpas lin en tio k devigas, ke li ĉiurilate bremsu sin. Li ne povas komenci ion, nek fini li la eterna daŭriganto. Li ne povas krei por si situaciojn li troviĝas ĉiam en deviga situacio.

Kia estas la celo de l' malriĉa homo ? Al tiu demando ni apenaŭ povas respondi unuece. Eĉ li mem ne povus respondi akcepteble. Unu estas certa en nia socio : en la vivo de l' laboristo, malriĉa kamparano k salajrata intelektulo, jam eĉ pro tio estas malfacile trovi celon, ĉar ilia vivo mem ne estas propra celo, sed nur ilo. Ilia tuta klaso estas nur ilo por la reganta klaso k unuope ili ĉiuj servas aparte la celon de sia reganto. Do, se la malriĉa homo eĉ mem estas nur ilo, kia povas esti la celo de l' ilo ? Memkompreneble la fina celo povas esti tio, ke el ilo iam li mem leviĝu kiel celo. La celo de l' malriĉa homo provizore estas nur tio, kio ĉe alia homo estanta en pli bona situacio jam estas ilo — kontentigi la korpajn bezonojn. Ĉe ĉiu alia ĉi tio estas nur la unua paŝo al la vivo, sed ĉe la malriĉuloj ĉi tio estas la plej alta deziro havi sufiĉe da nutro, vesto k loĝejo. Kaj nur se la jam el tiu ilo formiĝinta celo aperas neatingebla por la malriĉa homo, nur tiam li impetas al la alia ekstremo, nur tio donas inversan direkton al lia forto, por ke li la celon degradu al ilo, por atingi la veran grandan celon. Provizore la singardemo devigas lin al tiu regulo, laŭ kiu kiu multon prenas, malmulton ricevas. Do pro singardemo oni malmulton prenas, sed oni devas rimarki, ke oni ricevas ĉiam pli k pli malmulton ol kiom oni prenas. La diferenco ĉiam pligrandiĝas k fine la malriĉa homo tute malmulton prenas k jam nenion ricevas. Kaj tiam la situacio devigas lin al tiu ekkono ke oni devas multon preni,

por ke oni povu ricevi malmulton, k multegon preni por povi ricevi multon. Nuntempe ankoraŭ oni estas devigata pli k pli malzorgi ĉiujn aliajn demandojn pro la intereso de l' stomako, sed kiam oni atingis iun certan, profundan punkton de sia vivnivelo, tiam oni estas devigata samtempe solvi ĉiujn aliajn demandojn, ĉar sen la solvo de ĉiu demando, eĉ la stomakdemando ne estas solvebla. En la historio multaj ekzemploj pruvas tion. Ekzemple la subpremitoj de diversaj reĝimoj, dum iom da tempo rezignis pri la politikaj celoj por atingi la ekonomiajn celojn, sed kiam ili atingis la plej profundan punkton de sia krizo, ili nur tiam ekkomprenis, ke nur per la akiro de l' politika potenco oni povas atingi ankaŭ la ekonomiajn celojn.

Granda parto el la malriĉuloj serĉas ankoraŭ la solvon de fundamentaj ekonomiaj celoj, mallonge dirite ili volas manĝi; sed bedaŭrinde ĉiam kun pli malgranda sukceso. Ju pli malriĉa estas iu, des pli zorge la singardemo retenas liajn vivo-fortojn de la libera k multflanka validiĝo. Do ju pli malriĉa estas iu, des malpli li havas individuecon. En la kapitalisma sociordo malgranda grupo staras kun posedaĵo k individueco kontraŭ la grandaj amasoj havantaj nur malriĉon k singardemon. Por la malriĉaj amasoj la intensa, multflanka vizaĝo de l' vivo k la travivado de multspeca eblo estas malpermesata. Tiele vivas la malriĉuloj en tiu socio, kiu proklamas la individuecon. Oni vivas sen individueco, ĉar la individueco egalas kun libero. La nuna situacio estas la malo de libero. Mildigoj k reformoj por mallonga tempo estas eblaj, sed malmulte utilas.

Por ke la senindividueca homo regajnu sian individuecon, anstataŭ abnegacio li devas sin mem konkeri. Konkeri sin mem k ankaŭ la insulojn de l' terglobo. Nur tiele oni povas fariĝi plenaĝulo, suverena homo, kiu sen parazitoj povas vivi k grimpi al la plej alta pinto de l' vivo k tie ĝui ĉion, kion la naturo k la homa kapablo produktas. Ĉi tio estas la vera vivo, ĉi tio donas la terajn nutraĵojn.

Sed por tio oni devas disrompi la « rigidajn malamikajn barilojn » k liberiĝi de la singardemo, kiun generis la zorgo, k de la malriĉo kies patrino estas la zorgo. Kiel ni diris, la malriĉo transformis la individuecon al singardemo. Sed la ordo de l' aferoj ĉe iu difinita punkto turniĝas k fine la malriĉo neniigas la singardemon por revivigi la individuecon. La plej malriĉaj k la plej mizeraj, de kiuj la singardemo forprenis eĉ la « ŝajnon de l' homeco » — ili rifuzas plej unue la singardemon, kiu por ili jam neutilas. Ili ekiras kontraŭ la bariloj k ili estas tiuj, kiuj reakiras la individuecon. Ĉar la neniiĝo de l' lastaj individuaj ebloj vekas en ili la scion k volon de la kolektivaj ebloj. Kaj ĉi tio kunfandas ilin el la amasoj de la izolitaj personoj al konscia k komuncela amaso. Tio estas por ni la unua akto de l' intensa vivo, « danĝera vivo ». Por ke ni povu ŝanĝi nian sorton, ni devas transformi la vizaĝon de l' mondo. Do la individueco revenas al ni sur malrekta vojo, kiel ĝenerale ĉio. Nur pli granda komuno povas renaski la pli profundan, pli finvolitan solidaron. Ĉi tiu batala komuno, ĉi tiu unuiĝo por akiri la homan dignon, per sia propra, memvole akceptita disciplino, kiu postulas sinoferon iafoje, sed neniam abnegacion. Oni batalas por la libero k neniam forgesas, ke la malriĉo estas la pramalamiko de la libero.

Kaj kiam la batalo ĉesis, kiam la aro de l' homoj reakiris sian liberon k individuecon, tiam estos finita la antaŭhistorio de la homaro k komenciĝos la vera historio de l' nova, komuna vivo.

*Kompilis: Nora.*

# Maksimo Gorki mortis




Lastmonate mortis en Moskvo, 68-jaraĝa, Maksimo Gorki, unu el la plej grandaj inter la nunepokaj literaturistoj, kiu, verkante ruslingve, havis gravan influon precipe sur la rusan leganton, kies animon li tuŝis. Sed liaj verkoj estis tradukataj en dekojn da naciaj lingvoj, tiel ke lia famo disvastiĝis larĝe tutmonden, kiel la famo de iu Tolstoj, iu Dostojevski, iu Puŝkin.

La vera nomo de tiu moderna klasikulo estis Alekso Maksimoviĉ Peŝkov; li naskiĝis en Niŝni-Novgorodo, hodiaŭ transnomita *Gorki* je lia honoro. En liaj verkoj respeguliĝas lia propra laboristeca spertado de la junaj jaroj; li ja mem devis ekde l'infanaĝo malfacile vivakiri. Li devis efektive perlabori de la deka jaro k faris la plej diversajn k plej vulgarajn metiojn, ĝis li, en la 23-a jaro, komencis sian literaturan agadon. Plie li, jam kiel junulo, dediĉis sin al la sociaj problemoj k al la politiko; li kontraŭbatalis la carismon k estis plurfoje kondamnata pro politika aktiveco. Li konatiĝis kun la bolŝevismo k persone amikiĝis kun Lenin, kies ideojn li tamen ne ĉiam aprobis. Sendependema homo, li preferis ekzili sin mem k vivis longtempe en Italio. Tamen, laŭ la petoj de siaj amikoj, li definitive loksidiĝis en Sovetio depost 1928, kie oni ne plu diskutis pri lia politika sinteno. Li helpis en la lastaj jaroj al la juna sovetia « proleta » literaturo per konsiloj k bonvolema protektado.

Liaj plej konataj verkoj estas « La Vaguloj », « Mia infaneco » k « La Patrino » (ĉi lasta ankaŭ popularigita per la filmo). En esperanto aperis nur fragmentoj el liaj verkoj (ekz. en « La Nova Epoko »).

Pri esperanto M. Gorki diris en 1921 (laŭ « Hist. de la Mondolingvo », p. 214) jenon « La penso de konservativuloj obstine asertas, ke esperanto estas utopia entrepreno. La efektiva, naturleĝe evoluanta realeco ne rapidante, sed ĉiam pli certe renversas la opinion de la konservativuloj. »

# El la Brita Laborista Movado

La ĉefa politika okazo lastmonata inter la laborista movado estis la kvara ĉiujara konferenco de la Socialista Ligo, fine de majo. La Socialista Ligo fondiĝis en 1931, post la eksiĝo de la Sendependa Labor-Partio el la Brita Labor-Partio. Tiam kelkaj anoj de la Labor-Partio, konsciante pri la danĝero ke pro la perdo de tiom da socialistoj la Labor-Partio iĝus eĉ pli reformista ol antaŭe, starigis organizon por propagandi socialismon inter la anoj de la Labor-Partio. La organizo kreskis k nun enhavas 2.500 membrojn. Multaj anoj de la Labor-Partia Junulara Ligo aniĝis, ĉar la Labor-Partio ne permesas la diskut-

adon de politiko ĉe sia Junulara Ligo. Kompreneble la dekstra alo de la Labor-Partio ne favoras la Socialistan Ligon, sed pro tio ke la Labor-Partio oficiale « adoptas » la socialismon, ĝi ne povas rekte kontraŭstari la Socialistan Ligon.

La ĉefaj eroj de la konferenc-programo estis la unueca fronto, la rolo de la Socialista Ligo k ĝia sinteno al kapitalista milito.

Antaŭ kelkaj monatoj la Komunista Partio sin turnis al la Labor-Partio, petante ke ĉi-tiu akceptu ĝian alfiliiĝon. La estroj de la Labor-Partio rifuzis. Sed de tiu tempo multaj filioj de la Labor-Partio k de la sindikatoj sendis rezoluciojn al la Nacia Plenum-Komitato, petante ke ĝi permesu la aliĝon de la Komunista Partio. La Plenum-Komitato de la Socialista Ligo ankaŭ forte subtenis la peton de l' Komunista Partio. Ĉe la konferenco la delegitoj devis decidi, ĉu subteni tiun agon aŭ ne ? Preskaŭ unuanime la konferenco subtenis la agon de sia komitato. La sola delegito, kiu kontraŭis, diris ke eble post kelkaj monatoj la komunistoj denove nomos nin « Socialfaŝistoj », k oni ne povas fidi ilin. Tamen ĉiuj aliaj opiniis, ke la nova sinteno de la komunistoj estas sincera k decidis pro la ĉiam kreskanta minaco de milito k faŝismo fari ĉion eblan por unuigi la laboristan klason.

Pri la rolo de la Socialista Ligo oni decidis, ke ne sufiĉas disvastigi socialistan influon per individua laboro en la Labor-Partio ; la Socialista Ligo devas fariĝi ĝis ia grado aparta organizo k gajni influon per kolektivaj klopodoj. La rezulto de tiu decido estas, ke la Socialista Ligo iĝos kvazaŭ alia politika partio, filiiĝinta al la Labor-Partio, anstataŭ esti ĝia integra parto. Ĉu tiu paŝo kondukos finfine al skismo k eksigo, oni ne povas nuntempe antaŭdiri. La plej vigla debato de la konferenco temis pri nia sinteno rilate al « sankcioj ». Ekzistas tri ĉefaj sintenoj en Britio. La Labor-Partio promesis sian firman subtenon al la registaro en ajna apliko de sankcioj sub la kontrakto de la Ligo de Nacioj. La Komunista Partio volas devigi la registaron apliki sankciojn, sed samtempe kontraŭas ajnan interkonsenton kun ĝi. La Socialista Ligo (k ankaŭ la Sendependa Labor-Partio) diras, ke ambaŭ politikoj kondukos al sankta nacia unueco inter la kapitalista k laborista klasoj, ke la Ligo de Nacioj estas estrata de kapitalistaj ŝtatoj, kiujn la laboristaro ne povas fidi, k tial ne estas subteninda. La sola metodo garantii la pacon estas, ĉiam k ĉiel kontraŭbatali sian propran kapitalistan klason kun la celo renversi ĝin k starigi la socialismon. Tamen relative multaj el la delegitoj subtenis la politikon de l' komunista partio, montrante al tio ke la ĉefaj malamikoj de la paco estas Germanio, Italio k Japanio. Se la laborista klaso en la « demokrataj » landoj devigus sian kapitalistan klason alianciĝi kun la koloniaj landoj, kun la malgrandaj ŝtatoj k kun Sovetio, eble oni povus haltigi militon. La konferenco ne akceptis tiun vidpunkton k voĉdonis kontraŭ sankcioj k la Ligo de Nacioj per sufiĉe granda plimulto.

Aliaj rezolucioj temis pri pli severa disciplino, pli bona edukado al la membroj, deviga aniĝo en sindikatoj, ktp. Oni ne akceptis ĉiujn, ĉar la organizo estas ankoraŭ nova k la ĝusta tempo por radikalaj ŝanĝoj ankoraŭ ne venis. Tamen klare montriĝas du tendencoj en la Ligo — tiu de la « brak-seĝaj » socialistoj, kiuj volas filozofadi k nur prediki la socialismon, k tiu de tiuj, kiuj volas partopreni la ĉiutagajn batalojn de la laboristoj k tiel akiri influon inter ili.

Preskaŭ la lasta rezolucio sur la tagordo rekomendis la starigon de Esperanto-sekcio en la Socialista Ligo. Oni ĝin akceptis (pli detala raporto aperos en « S-ulo »). Espereble la akcepto de tiu rezolucio indikas la revekiĝon de la esperanto-movado en Britio.

*Vilhelmo Makoli, Londono.*

# La Hazardo en la Mondhistorio



Certe vi lernis en la lernejo multajn historiajn faktojn dum la instrulecionoj ; sed pri la kaŭzoj de la historiaj okazintaĵoj vi eksciis tre ofte nenion, ofte nur malveraĵon. Detale okupate pri la studado de la historio, vi nepre trovos, ke ekzemple ofte malgrandaj, malgravaj aferoj okazigis la morton de famaj homoj, la malfeliĉon de historiaj personoj, eĉ la detruon de urboj k pereigon de regnoj, tute ne menciitaj en la ordinaraj lernolibroj. Vi konvinkiĝos, ke — kiel en la vivo de la unuopa homo — ankaŭ en la vivo de popoloj malgranda kaŭzo efikas tre gravajn konsekvencojn. Oni kutime diras la sorto destinis tion.

*Funebra ceremonio kaŭzas la pereon de la vandala regno.*

La pereon de la vandala regno kaŭzis bagatelo : unu mortinto k ties entombigo. En la jaro 534 p.K. venis la orient-romana armeestro Belizar al norda Afriko, por konkeri la grandan k potencan regnon de Vandaloj[1]. Dum la decida batalo la vandalaj rajdistoj tre forte atakis la postgvardion de l'Bizancano (Belizar) k ĵetis ĝin al la ĉefarmeo. Kiam la vandala reĝo Gajlamir malantaŭe perforte persekutis la teruritajn grekojn k jam estis certa pri la venko, li preterrajdis kadavron de militisto, kiu kuŝis sur la vojbordo. Ekkonante sian lastan fraton Taco (Tazzo), kiun li treege amis, li malsupreniris de la ĉevalo, k liveris al li laŭ germana moro la funebran honorigon. Kiam li igis entombigi la fraton, la huna helparmeo de Belizar perforte penetris en la mezon de la vandala armeo k — en laŭvorta senco — rajdrenversis la regnon de Vandaloj, tiel ke nenio restis el ĝi.

*Kial ekestis la 100-jara milito inter Francio k Anglio.*

La franca reĝo Ludoviko la VII-a estis edziĝinta kun Eleonora, la heredontino de Gijeno k Potevino. La fiero de lia edzino estis la ondanta barbo de la reĝo, kiun tiu lasis forpreni dum la krucmilito. La ekspedicio en la « sanktan landon » ne estis ĝojiga, sed ankoraŭ pli malĝojigaj estis la efikoj de la forprenita barbo. Ne eble laŭ iu malnova anekdoto, sed laŭ la plej novaj esploroj de la universitato Kembriĝo la glatrazita reĝo perdis la amon de Eleonora, kiu ekedzinigis sin de li k edziniĝis al la bela barba Henriko Plantaĵene, al kiu ŝi alportis kiel doton Gijenon k Potevinon. Plantaĵene fariĝis baldaŭ poste reĝo de Anglio, k komenciĝis la fama 100-jara milito (1339-1453) inter Francio k Anglio pro la angla posedaĵo en Francio. Gis nun ni ja lernis, ke Ludoviko

[1] Vandaloj, germana gento, loĝis en 170 p. K. en la nuna Silezi , formarŝis dum la gentvagado al Galio k Hispanio, en 429 sub la gvidado de Gajseriĥ al Afriko, kie ili fondis la vandalan regnon.

disiĝis de Eleonora, ĉar ŝi vekis dum la krucmilitiro la suspekton pro malfidelo. Sed ankaŭ la malfidelo de reĝino estus ja tro eta kaŭzo por 100-jara virmurdinta milito.

*Pompa kondutо — Fino de Burgundio.*

Nenies vivopaso estis tiom direktita de bagateloj k hazardaj okazintaĵoj kiel tiu de la fama « Duko de la Okcidento », Karlo la Sentima de Burgundio[1]. Estante sur la supro de sia potenco li aspiris la edziniĝon de sia heredontino Maria kun Maksmiliano, la filo de l' imperiestro Frederiko la III-a. La solena kunveno de ambaŭ regnestroj en la urbo Treviro (1474) estis konfirmonta la kuniĝon de iliaj dinastioj k potenco. La imperiestro aperis en la digno de la ĉefo de imperio sen iu ajn pompo, sed la duko en akompano de miloj da kavaliroj k soldatoj kun la pompo de riĉega sultano. Frederiko, mallumigita k indignita pro la pompa procesio, forlasis Treviron, ne adiaŭante de la duko. Ĉi tiu, plena de malamo, enmarŝis la imperion, k ekestis longa disvastiĝanta milito, dum kiu Karlo post tri jaroj fine perdis siajn posedaĵon k vivon. Ankaŭ lia terura morto en ĉi tiu batalo estis kaŭzita de malgranda miskompreno : Karlo fuĝis, falegis dum la saltego trans rivereton kun la ĉevalo k — nekonata — li estis mortbatita de iu militisto.

*Kion oni rakontas pri Kromŭel (Cromwell).*

Olivero Kromŭel naskiĝis en la jaro 1599. Estante jam en la jaro 1628 parlamentano, li kreis la armeon de la « Sendependuloj ». Kiel fervora protestanto li estis senlaca, obstina kontraŭulo de la reĝo Karlo la I-a. Pri Kromŭel raportas kelkaj malnovaj historiskribistoj, ke li — en la tempo de la grandaj elmigradoj de l' anglaj protestantoj al Ameriko — intencis forvojaĝi kun sia amiko Hampden per ŝipo al Ameriko. Sed en la lasta momento ordonis la reĝo Karlo la I-a, reteni la ŝipon. Pluaj elmigradoj de la protestantoj estis malpermesataj. Tiel Kromŭel restis en la lando, komencis batali kontraŭ la reĝo, venkis kelkfoje la reĝan armeon k fine — post kapto de l' reĝo — li sureŝafodigis lin en la jaro 1649. Karlo la I-a do perforte retenis sian propran ekzekutiston.

*La ruĝaj haroj de Laŭdon.*

Iutage aperis la litoviano Gideono Ernesto Laŭdon antaŭ la reĝo Frederiko la Granda k prezentis al li siajn militservojn. Sed Frederiko rifuzis malafablege lian peton, k Laŭdon iris al Maria Tereza, la granda kontraŭulino de Frederiko. Li fariĝis aŭstra marŝalo k en la sepjara milito la inda k plej danĝera kontraŭulo de la reĝo. Li distingiĝis en multaj bataloj. Li elpensis la planon de la surpriz-atako apud Hoĥkirĥ k fariĝis la venkinto de Kunersdorf (1759) k Landshut (1760). Estas vere fakto, ke Frederiko rifuzis la litovon nur pro liaj ruĝaj haroj.

*Kial Ludoviko la XIV-a ne redonis Strasburgon.*

Kiam la francaj rabmilitoj okazigis la eŭropan aliancon kontraŭ Ludoviko la XIV-a k ĉi tiu timis sian ruiniĝon, li proponis per svedaj perantoj la pacon k deklaris sian preton por plenumo de l' kontraŭulaj postuloj : redono de l' rabitaj provincoj k urboj, ankaŭ de Strasburgo. Dum la packongreso en Gertrudenburgo en marto de 1710 li konsentis ĉiujn postulojn ; sed la habsburganoj krom tio postulis nun ankoraŭ speciale, ke la reĝo per propra armeo forigu sian nepon Filipon la V-an el Hispanio. Ludoviko proponis senĝenan marŝadon tra sia lando, eĉ prezentis monhelpon — la habsburgano persistis je la milito kontraŭ la nepo. Pro ĉi tiu postulo, ridinde bagatelema en la kadro de l' granda celo, la intertraktoj estis ĉesigataj, k Strasburgo restis — ĉar la aliancanoj mem fariĝis malkonkordaj — ĉe Francio ĝis la jaro 1870.

*Kial Francio restis Respubliko ?*

La prezidanto de l' franca respubliko, marŝalo Mak Mahon, estis tiom preparinta en la jaro 1873 la reinveston de l' burbonaj reĝoj ĉe la ĉambro de la deputitoj k ĉe la publiko, ke ĝi efektive nur ankoraŭ bezonis la konsenton de l' pretendanto por ree fari Francion monarkio. La orleananoj estis favoraj al la repaciĝo kun la burbona parencaro, sed ili postulis — same kiel Mak Mahon — ke oni ne difektu la parlamenton k la standardon trikoloran. La Ĉefo de l' burbonanoj k la pretendanto, la grafo Ŝambor (Chambord), vivis tiam en Salzburgo, kie la duko de Broglie intertraktis kun li. Komence la burbonano konsentis ĉion, sed poste li postulis la blankan lilistandardon anstataŭ la trikolora standardo. Li persistis ĉe tio k fine li enlitiĝis, por ke li ne estu venkata de la persvado de l' duko. La intertraktoj malsukcesis, ĉar la orleananoj ne volis monarkion blankkoloran. Francio restis respubliko ĝis la nunaj tagoj, ĉar la grafo Ŝambor insistis pri sia blanka flago.

*Dancgamboj renversas reĝan tronon.*

La lasta reĝo de Portugalio, la juna Manuelo, konatiĝis dum artista festo en Parizo kun la dancistino Gabi Deli (Deslys) k deliriĝis tiom forte pro tiu eksterordinare bela virino, ke li ŝin kunirigis al Lisbono k volis fari ŝin baletistino en sia operejo. Sed ĉar li trovis fortan kontraŭstaron de la reĝpatrino, kortego k nobelaro, li devis kaŝi la belan dancistinon, ĝis li elpensis kun ŝi la ideon, ŝin sub alia nomo lasi debuti kiel gastinon, por devigi post la certe okazonta sukceso la ĉefurbon ŝin favore akcepti. Dum sia debuto je la 5-a de oktobro 1910 Gabi trovis ankaŭ la atenditan sensacion, sed ĝi havis tute alian aspekton. Fariĝis skandalego, ĉar la kontraŭuloj malkovris la sekreton k plenigis la galerion per plebanaro. Dum nepriskribebla tumulto la reĝo faris la stultaĵon rapidi sur la scenejon, por ordoni silenton. Tuj li fariĝis la celobjekto de centoj da ĵetpafaĵoj. La krio : « For la reĝo ! For la reĝino Gabi ! Vivu la respubliko ! » plenigis la operejon k disvastiĝis sur la stratojn. Atenco kontraŭ lia vivo konvinkis Manuelon, ke restas al li nenio alia ol la rapida fuĝo per ŝipo al Anglio. De tiam Portugalio estas respubliko[1]. La dancistino kun la belsona nomo, kiu 24 jarojn antaŭe naskiĝis en iu moravia vilaĝo k kiel servistino trovis sian okupon, estis la malgranda kaŭzo, ke pereis unu el la plej malnovaj dinastioj, kiu iam regis la duonan mondon.

*Franc. Menaher, Vieno.*

[1] Karlo la Sentima, duko (1467-1477), venkis en 1465 Ludovikon la XI-an apud Montĉerio k devigis lin (1468) rezigni je Burgundio, konkeris (1475) Lotaringion, estis venkata de la Svisoj (1476) k perdis sian vivon en la batalo apud Nancio (1477).

[1] Sed nur laŭnome, ĉar fakte regas arbitra diktatoro super tiu lando. — *Red.*

# LA GRANDA LABORBATALO EN DANIO

En la paca Danio, la lando de l' « norda demokratio », okazis laborbatalo, kiu postulas la plej grandan atenton de l' tutmonda lab. movado. La kapitalistoj lokaŭtis 150.000 laboristojn pro tre malgravaj disputpunktoj. La laborist-sindikatoj postulis malgrandan salajroplialtigon por la plej malbone pagitaj laboristkategorioj pro la lastatempaj prezaltiĝoj. Ĝenerale ili konsentis pri la daŭrigo de l' tarifoj. La kapitalistoj kompreneble deklaris, ke por ili estas neeble elteni tian salajro-« plialtigon », ke la dana industrio ruiniĝos. Post tio ili fermis la entreprenojn, malgraŭ ke ili bone sciis, ke ili post nur mallonga daŭro de l' lokaŭto perdos pli multe ol ili elspezus por la salajro-« plialtigoj » dum la tarifperiodo.

Oni eble povus pensi, ke la kapitalistoj faris tiun batalon por montri al la laboristoj, kiu « estas mastro en la domo Danio ». Sed fakte ne povas esti tiel. Certe la laboristaj partioj ĉe la lastaj elektoj por la parlamento gajnis multajn voĉojn. La socialdemokratoj estas en la registaro, k ili helpas la eksportkapitalistojn (estas ili, kiuj regas en Danio). Ankaŭ la kapitalistoj malkaŝe intersubtenis sin dum la lokaŭto. La socialdemokratoj certe ja alvokis la laboristojn al simpatistriko, sed faris nenion por aktive aranĝi tiajn simpatistrikojn. Ili havas plimulton en multaj sindikatoj (havenlaboristoj, maristoj, ktp) sed ne eluzis sian influon favore al la striko. La komunistoj, en Danio kiel en la tuta mondo, nun ĉiukaze, ankaŭ en laborbataloj, unuecfrontumas kun la reformistaj sindikatgvidantoj, kiuj preparis la batalon nur administracie (kontrolo, subvencioj ktp). La registaro silentis k faris komence nenion.

Por prijuĝi la batalon estas grave scii, ke ĝi okazis en la importsektoro de la dana ekonomio, kiu nur produktas por la interna merkato. La konjunktura situacio de Danio ege pligrandigas la postulojn de l' interna merkato. Sed krom vivrimedoj (agraraĵoj) ne estas io produktata en Danio. Oni do devas importi preskaŭ ĉion. La valuton por ĉi tiu importo oni ricevas per la eksporto de l' vivrimedoj. La konstantaj importmalfaciloj en la eksterlando kondukas al malgrandigo de l' dana eksporto, plue al nesufiĉo de l' valutprovizo ĉe la centra banko, k tiel al malgrandigo de l' importo. La diferencoj inter la eksporta k importa kapitalo estas tre akraj. La eksportkapitalo volas teni la valoron de la krono malalte, dum la importkapitalo volas altigi ĝin. Tio estas la ĉefa kontraŭeco en la dana kapitalista socio.

Por reguligi la importon k tiel « subpremi » la importkapitalistojn, la registaro kreis t.n. valutoficejon, kiu decidas pri rajto enkonduki varojn k fiksas la kvantojn. Ĝi disdonas la alvenintajn valutojn inter la petintaj entreprenoj. Estas kompreneble, ke la socialdemokrata registaro klarigas la ekziston de l'valutoficejo en la senco de komenciĝanta « planekonomio », fakte ĝi estas batalilo de l' reganta eksportkapitalo kontraŭ la importkapitalo.

La valuta problemo estis la decida en la lasta laborbatalo. La ĉeso de l' produktado en la importindustrio efikos plibonigon de l' komercbilanco k malaltiĝon de l' valoro de la krono. La financkapitalo havas la perspektivon de novaj milionenspezoj, se ĝi aperas kun bona bilanco k malalta krono sur la merkato. Tiel senmaskiĝas la lokaŭto kiel fia spekulacio de la kapitalistoj je la kosto de l' laboristaro.

La sola eblo kontraŭbatali ĉi tiun atakon estis pli-larĝigi la batalfronton de la laboristoj helpe de tiuj laboristoj, kiuj estas okupataj en la eksportindustrio. Sed la sindikat-oficistoj kune kun la kapitalistoj faris ĉion por evili tion. Kiam la marhejtistoj deklaris sin pretaj por simpatistriko, la socialdemokrata gazetaro komencis kontraŭbatali ilin. Cetere ankaŭ la komunistoj kulpas, ke la simpatistriko ne realiĝis. La havenlaboristoj, kiuj ankaŭ origine partoprenis en la konflikto, akiris specialan kontrakton. Tio montras, ke la sindikatgvidantoj ne havis intereson en la laborbatalo.

Se la laboristoj ne komprenas ĉi tiujn problemojn, ĉi tiu batalo plifortigos la reakciajn elementojn, speciale tiujn, kiuj komencas amindumi kun la faŝista ideologio. En ĉi tiu batalo la reakciaj kampuloj agitadis kontraŭ du frontoj kontraŭ laboristoj k mastroj.

La agrarkapitalistoj ne havas intereson pri bona komercbilanco. La alta valoro de l' krono nur signifas por ili malfacilan eksporton. Tamen ili ne konsentas kun la registaro, verŝajne ĉar ili havas iujn ligojn kun la importkapitalo (importo de ĥemiaĵoj por la agrartekniko ktp). Ili do ne havis tro grandan intereson pri la konflikto, tial ili batalis kontraŭ la « aventurema » k « egoisma » politiko de l' eksportindustrio, samtempe insultante kontraŭ la sindikatoj, kontraŭ la marksismo. Tiel ili faŝistigas la kampulojn.

Simile la urba etburĝaro prijuĝis la batalon. La malgrandaj komercistoj bone povas rimarki la malgrandiĝon de l' laborista konsumo. Sed ili nek vidas energian batalon flanke de la laboristoj, nek povas vidi la verajn kaŭzojn de tiu ĉi konflikto. Tiel ankaŭ ili prepariĝas por la faŝismo.

Post kelksemajna daŭro la registaro komencis instigi la laboristojn komenci traktadojn kun la kapitalistoj. Ĉar tio ne havis rezulton, oni akceptigis en la parlamento leĝon, laŭ kiu la laboristoj devis rezigni pri la plej multaj el siaj postuloj.

*Oĉjo.*

# Pri Palestino

Okazas bruligoj, strikoj k mortpafoj en Palestino. La araboj postulas la ĉesigon de l' juda enmigrado. Dum jaroj la judoj eniris tiun landon, k la permesiloj de la brita registaro estis ĉiam malpli nombraj ol postulo pri ili. Samtempe enmigris ankaŭ centmiloj da araboj.

Ĉe sia eniro la judoj kunportis la vivnivelon, kiun ili havis en la okcidentaj landoj. Tiu fakto neeviteble plialtigis la normon en Palestino mem. Kaj tiu plialtigo efikas kiel logilo al la eksterlandaj araboj, kiuj ĝuste pro tiu fakto eniras la landon. Sub la brita mandato la nombro da araboj kreskis je 50 % (de 590.000 ĝis 950.000), k ĝi kreskis plej multe en la regionoj, kiuj faris la plej grandan progreson en judaj plantejoj. Jare enmigras proks. 24.000 araboj.

La kulturlaboro farata de la judoj kontrastas okulvideble kun la multjarcenta, eĉ jarmila stagno, kiu antaŭe karakterizis la landon (sub la turka reĝimo). La tie loĝantaj araboj neniel suferas pro la juda enmigrado. Iliaj terpecoj k la salajro plialtiĝis je valoro, k ĝenerale ili ricevis bonkoran helpon de la registaro per donacoj de grundo, forigo de ŝuldoj, ks, atinganta sumon de centmiloj da funtoj sterlingaj.

La salajro de araba laboristo ĉe juda plantejo estas preskaŭ 3 ŝilingoj tage, dum ĉe arabaj plantejoj ili

ricevas nur la duonon el tiu sumo. La juda politiko celas kutimigi la judojn, ke ili mem laboru en la terkulturo, por ke neniu akuzu ilin, ke ilia prospero venas pro la sufero de l'arabaj laboristoj.

Kio koncernas la judojn, tiu lando prezentas por ili necesegan rifuĝejon, ĉar ĉie regas la naciismo, la reakcio. La pli intensa persekutado kontraŭ ili metas ilin en netolereblan pozicion, kiun ili tre ŝatus elrifuĝi. Memoru la pli ol duonmilionon da judoj sub Hitler ; k Germanio ne estas la sola persekutejo, dum la enmigrado Palestinon estas limigita al 50 mil homoj jare.

La judoj ricevas nenian helpon de l'araboj, sed devas labori por aliaj judoj. La araboj disvastiĝas en Azio ĝis la Mediteraneo k kapablas esti netolereble fanatikaj. La brita registaro ne intencas lasi el manoj la mandaton, ĉar tie troviĝas strategia loko por akiri oleon por la milit-marŝipoj k ankaŭ por komunikiĝi kun Hindio.

Kvankam la judoj formas 30 % el la loĝantaro, ili posedas malpli ol dekonon de la tero. La postulo de l'araboj havas neniun racian bazon k certe ĝenus tiujn judojn, kiuj volus enmigri tien. Se oni povus eltrovi, de kie venas la instigo k la financigo, por fari tiujn bruligojn k pafadojn, oni povus klarigi al si pli bone la fanatikismon, ol nun eblas.

Musolini aŭ Hitler kredeble implikiĝas. Musolini publike disaŭdigas de la italaj sendstacioj en araba lingvo, k kredeble tiuj sendaĵoj ne favoras la britan registaron, precipe ĉar Britio tiom entreprenis, por apliki sankciojn kontraŭ Italio dum la ĵus okazinta etiopia milito (*buĉado* estus pli ĝusta vorto)...

*I. F.*

# La venko de l' popolfronto en Francio

Estas verŝajne, ke ni ĉiuj kun granda ĝojo legis pri la granda parlamenta venko de la popolfronto en Francio. La franca popolo do grandparte malsimpatias kun la faŝisma movado en tiu lando k tio vere estas ĝojiga fakto. Niaj ĝojkrioj do ne estas senmotivaj k la reunuiĝo de la laboristoj donis al ni nerefuteblan pruvon, ke ĝi povas plifortigi la fidon de la amaso al la batalo laborista.

Sed saĝaj homoj ne restas ĝojkriantaj, ĉar ĉi tiuj komprenas, ke la venkitoj preparas la rimedojn por venĝi sin k por iĝi la venkantoj. Mi volas diri per tio, ke nun la francaj laboristoj devas esti duoble singardaj, por ke ili ne fariĝu la viktimoj de ĉi tiu parlamenta venko.

Unue mi starigu la demandon ĉu nun la faŝismo en Francio estas frakasita ? Ni certe ne rajtas diri tion, k povas esti, ke ĉi tiu movado nun ekhavos novajn simpatiantojn. Ĉar gravan faktoron ni ne rajtas malatenti en la lastaj balotoj en Francio la tuta kapitalistaro estas venkita. Ĉi tiu kapitalistaro, ĉi tiu burĝaro staras antaŭ grava fakto : la parlamenta potenco nun estas en la manoj de la proletaro[1]. Jen io, kio vekas la regantan klason, kiu nun fakte, laŭ parlamenta vidpunkto, ne plu estas la klaso, kiu regas. Mi ne opinias, ke la parlamenta plimulto k la per tio rezultanta socialista registaro[1] estas efektiva potenco de la proletaro. Tamen la burĝaro francia certe komprenas, ke reminacas gravaj danĝeroj k ĝi ĉion faros por akiri la ŝtatpotencon en propraj manoj. Ke tiu burĝaro estas demokratema, eĉ se tiu demokratio forprenas ĝian superregon, neniu normala laboristo ja kredas. Ĝi nur defendas la demokration, kiom longe ĝi opinias la demokratian formon la plej taŭga por ĝi. La burĝaro volas resti la reganta klaso per aŭ sen demokratio. Ĝi do ne hezitos oferi la demokration, se tiu estas por ĝi danĝera. Laŭ mia opinio oni en Francio troviĝas en ĉi tiu stadio. La burĝaro nun estas pli danĝera ol iam k reakcia agado ne povas forresti. Tiu agado estas la forpreno de la rajtoj de la laboristaro, kion oni nun nomas faŝismo. Ĉu ni ne vidis en Germanio la samon, ĉu la kompartio ne kun ĉiu baloto plifortiĝis en la parlamento ? Oni povas diri, ke tie ankaŭ la partio de Hitler gajnis multege da voĉoj. Do ekzistas ioma diferenco, sed se la franca burĝaro estas puŝata de la almarŝanta proletaro al unu direkto, ĝi baldaŭ formos fortegan fronton, kiu certe estos faŝisma.

La tasko de la franca proletaro do fariĝis per la parlamenta venko pli malfacila ol entuziasmuloj povas imagi al si. La batalo nur nun komenciĝas. Kion la popolfronto devas fari ?

Ĉu ĝi devas veni kun planoj, kiuj por la burĝaro estas akceptindaj ? Ĉu ĝi devas daŭre klopodi plaĉi al tiu burĝaro por mildigi ĝin ? Ĉu ĝi daŭre devas koncesii por eviti konfliktojn ? Tio certe estos la neevitebla fiasko de la popolfronto k povos kaŭzi fatalan katastrofon por la laboristaro. Ĉar *eviti* la batalon inter la du klasoj en la kapitalismo ne eblas. Ĉiu konsciulo scias tion, k la spertoj ankoraŭ estas freŝaj rilate tian politikon.

La popolfronto devos antaŭ ĉio plifirmigi la unuecon en propraj vicoj. Parti-politiko fariĝu frontpolitiko. Ĉiel ĝi klopodu por komprenigi siajn voĉdonintojn, ke la popolfronto bezonas pli ol voĉojn por la parlamento ; ke ĉiu konsekvence pretu defendi la rajtojn de la laboristaro, pretu helpi la fronton per aliĝo k per ĉiuj agoj de la popolfronto postulataj. Oni severe kontrolu la militistaron, kiu en pac-tempo ĝenerale estas reakcia pro la influo de la oficiroj, apartenantaj al la burĝa klaso. Oni influu la militistaron k penadu gajni ĝian favoron. Unuvorte la popolfronto fariĝu fronto de la tuta laboristaro, kiu pretas ne nur voĉdoni, sed ankaŭ *batali* per ĉiuj rimedoj por la rajtoj de la proletaro k por la realigo de la socialismo.

Al ni la devo, disvastigi ĉi tiujn ideojn, almenaŭ se vi, kara leganto, samopinias kun mi.

*B. W.*

# El la Orlandoj

Dum en la sterlingbloklandoj post la malaltigo de la ekstera monŝanĝkurzo la salajroj k prezoj ne plu grave reduktiĝis k hodiaŭ eĉ tendencas plialtiĝi, tamen en la orbloklandoj oni kun admirinda trankvilanimeco daŭrigas la fifaman adaptadon, kiu estas la deflacio ; tio estas praktike nenio alia ol la plena elrabo de la laborista klaso.

La svisa registaro ĵus publikigis novan grandskalan deflacion, t.e. malaltigo de prezoj k salajroj. La salajroj kompreneble ĉiam unue. La franca registaro praktikas la samon. Trafa ekzemplo pri la rilatoj inter oro k politiko estas jena : Kiam Laval estis anstataŭata de Saro (Sarraut), transfluis dum sama mateno 100 milionoj da francaj frankoj (en oro) al la nederlanda banko. Tio okazas ĉiam, kiam la maldekstraj partioj en Francio notas venkon. Ankaŭ en la lastaj semajnoj.

En Nederlando la sekvoj de la deflacipolitiko ne estas malpli teruraj ol en la ceteraj orlandoj. Jen la praktiko :

En Breda la Kvata-ĉokoladofabriko maldungas 40 laboristojn, inter kiuj laboristoj kun 10, 15 k 20 la-

[1] Ne tute ĝusta ! Ĉar socialistoj ne solaj formis la registaron. — *Red.*

borjaroj. Anstataŭ ili oni dungas junulojn de 14 jaroj por semajna salajro de 5 guldenoj (la ordinaraj salajroj estas 20-25 guld). En la aĝo de 21 jaroj tiuj junuloj perlaboros 10 guld. k restos sur tiu nivelo ĝis... kiam oni anstataŭos ilin per 14-jaruloj. La direkcio komunikas, ke oni pro la krizo estas devigata apliki la samon al 200 ceteraj laboristoj.

Lastvintre oni povis observi la samon ĉe granda bierfabriko en Roterdamo. 40 plenkreskuloj estas maldungitaj k nun anstataŭitaj per 14-jaraj knaboj. La sindikata kontrakto, kiu validas en tiuj fabrikoj, nur mencias minimuman aĝon de 16 jaroj, tiel la knaboj staras ekster la kontrakto k sindikato ne havas la rajton enmiksi sin. Duonan tagon ili rivecas « instruon » en junulara hejmo en la urbo k duontagon ili estas en la fabriko. La semajna salajro estas du guld. 50 cendoj (la ĝenerala salajro estas 24 ĝis 34 guldenoj). Kaj pro tio la direkcio estas publike laŭdata de oficialaj instancoj, ĉar ĝi savas la junularon el la marĉo de la senlaboreco.

Laboristaj gvidantoj demagogie diras en kunvenoj : Nederlando kiel lasta eniris la krizon, estas do nature, ke dum en ĉirkaŭaj landoj la krizo foriĝas, Nederlando ankoraŭ devas suferi pro ĝi...

*Fiziokrato.*

## Diskutejo

*La kaŭzoj de Milito.*

En la lasta n-o aperis artikolo, kiu havis jenan konkludon : « La fundamenta ĉefa kaŭzo de milito estas la troloĝateco ». Mi volas ekzameni tiun aserton. Unue, ĉu estas tro da homoj aŭ inverse, ĉu estas nutromanko ? Due, se milito ne okazas pro troloĝateco, kio efektive estas ĝia kaŭzo ?

La esenco de la teorio de l'pastro Maltus estas simpla. Se la popolkreskado senhalte daŭras, la loĝantaro duobliĝos ĉiu-dudekjare, post jarcento ĝi estus 32-obla, post ducent jaroj 1024-obla, post tricent jaroj 32.768-obla. Fakte tiu kresko ne okazas k ne povas okazi, ĉar ekzistas tri manieroj, laŭ kiuj homa kreskado limiĝas : morala sinregado, malmoralo k mizero. Maltus nemulte kredis je la unua, ĝis ĉiu ekonomiscience edukiĝos. Pri malmoralo li, kiel pastro, parolis riproĉe. Tamen li kredis ĝin ne tre efika. Li pruvis, ke la rimedoj kontraŭ epidemioj rapide pliboniĝas, k konkludis, ke nur la mizero estas la ĉefa malhelpo al troa naskado. Homoj ne pliiĝas, ĉar ili malsatmortas.

Sed ni rajtas diri, ke ju pli estas da homoj, kiuj laboras sur la tero, des pli da nutro ili povas produkti. Kial necesas, ke iu ajn malsatu ? Li respondas al tio, ke venas punkto, kiam unu homo produktas malpli ol sufiĉe por sia nutrado. Tiupunkte la malsato starigas limon al lia plimultiĝo... Estas bone, ke riĉuloj troviĝas en nia socio, aliel la tuta homaro pereus en mizero. La malriĉuloj devus apliki prudenton ĉe edziĝoj, k ŝparemon antaŭ k post tiu okazo. Li preferis ege moralan sinregadon k parolis ĝin pri aliaj metodoj kiel « nebonaj artoj ». Pro tiu vidpunkto, li kontraŭis ĉiun ajn reformon, kiel la leĝo pri malriĉuloj.

Sendube ĝis ia grado Maltus pravas ; sen plibonigo de la terkulturo, plia kresko ne eblus pro nutromanko. Tiu propono validas ne nur por Britio, sed por la tuta mondo. Ekzistas mondpartoj (ekz. Ĉi io), kie tiu vero estas videbla tragedio.

Multo okazis de la tempo de Maltus. Fervojoj k transportŝipoj ebligis, ke la greno por Eŭropo kresku en Usono (kion Maltus kredis granda ŝerco). Teknikaj plibonigoj en terkulturo atingis por li neimageblan nivelon. Sed super ĉio, la pli granda prospero de l'laboristoj ne nur ne kondukis al pli alta naskado, sed male, al tre rapida naskofalo. Tio ne estas refuto al Maltus, sed ĝi entute detruas la gravon de la teorio, rilate al la blanka raso. En Azio ĝi ankoraŭ validas.

Nun la unua demando : Ĉu ekzistas nutromanko ? Ni vivas en maŝin-epoko. La maŝinoj produktas por ni abundon da varoj. Ili ankaŭ produktas por ni abundon da nutroj. Jen kelkaj ekzemploj: *Tritiko.* — De 1925-28 la mondprovizo estis inter 300-500 milionoj da buŝeloj. Subite, en 1929 la provizo atingis 800 milionojn. Laŭ raporto en *Times*, la 20. marto 1933, la granda kvanto de l'tritikprovizo havis tiel malaltan prezon, ke oni manĝigis ĝin al porkoj. *Fiŝo.* — Apud la Sudfina marbordo la fiŝistoj ne povis vendi la haringojn ; tial ili vendis ilin kiel sterkon. Alia ŝipo devis repreni la fiŝaron k jeti en la profundan maron.

*Oranĝoj.* — Ŝipo alvenis al la Liverpula haveno kun ŝarĝo (miloj da skatoloj). La firmo ne povis vendi ilin profite k decidis, ke la ŝipo reiru al la maro k jetu la 1.500.000 da oranĝoj en la profundan maron inter Britio k Hispanio. La senlaboruloj normale ne manĝus tiajn ; se la fruktoj estus distribuitaj, la viroj havus po dek por manĝi, sed la firmo rifuzis tiun proponon. Supozeble la oranĝoj estis bongustaj al la fiŝoj. Pri *lakto, kotono k kafo* similaj ekzemploj estas citeblaj laŭ libreto, kiun eldonis la Brita Labor-partio. La usonano Stuart Ĉez (*Chase*), kunlaboranto en la Labor-Departemento, rakontas aliajn kazojn en « Tragedio de la malŝparemo[1] ».

Mi jus legis, ke hispanaj kamparanoj volas kulturi la teron, sed la posedantoj detruas iliajn pene maturigitajn rikoltojn. Ĉi tiuj homoj eĉ ne imagas la malfacilon, kiu regas en la mondo. La financa revuo de *Times* por 1935 priskribas ĝin. « Dum multaj malsatas, la tritiko estis tiel abunda pro la rekorda rikolto de l'antaŭa jaro, ke ĝi povis vendiĝi nur je perdo. »

La apliko de scienco al la naturo jam faris sensencaj la sistemojn k kredojn, kiuj timis pri nutromanko. Kial do vi ne vivas dece ? La respondo estas : Vi devas turni vin al la socio mem, en kiu vi vivas. Kapitalismo, la privata posedo de l'tero k ĝiaj produktoj kaŭzas vian malsaton. La parazitoj, kiuj posedas, vivas lukse, dum la laboristoj malhavas. La pliiĝo okazas en socio, kiu ne povas forvendi la produktojn, kies abundo ĝenas la posedantojn. La maŝinposedantoj ne produktis, por ke vi manĝu ; ili produktis por vendi profite. Kaj ili ne ĝeniĝas pri vi. Konfirmas tion konstato de nobelo (en raporto, 1933), ĉefo de l'servo pri publika sano en Britio : « Senlaboreco, nutromanko, malsanoj k akcidentoj ŝajne estas neforigeblaj el la nuna civilizo okcident-eŭropa. » Ĉu oni povas trovi pli fortan kondamnon al la kapitalisma sociordo ?

Mi respondis jam al la unua demando, montrante ke ne ekzistas troloĝateco aŭ nutromanko. Nun la dua demando : Kio kaŭzas militojn ? Unu skolo asertas, ke homoj estas aventuremaj ; al ili la risko estas loga ; ili legas aventurojn, vidas filmojn. Ni trafas ilin plej bone per provo de ridindigo. Neniu eniras militon kun batalkrio « por niaj akciuloj al la morto » aŭ « por altaj dividendoj ni batalu ». Homoj respondas al pli romantikaj alvokoj : *Por honoro aŭ gloro*, ĝis ili eltrovas, ke tio estas nur ruzo por akiri posedon de petrolkampo en Mosulo. Tiam ilia batalemo malaperas. B. Russel en « la skeptikaj skriboj » (1928) diras, ke « modernaj militoj okazas pro la maŝinoj laŭ tri manieroj : 1. Ili ebligas grandajn armeojn, 2. malkostan ĵurnalaron, kiu des pli prosperas, ju pli ĝi alvokas al la elementaj pasioj de l'homoj ; 3. laŭ spontanea flanko de l'homa naturo militoj ŝajnas liberigilo de nepreciza malkontento. La mondmilito ne okazis pro kaŝa komploto de l'politikistoj. En Britio, Germanio k Usono neniu registaro povus kontraŭi la popol-postulon por milito, kiu havas instinktan bazon ; mi kredas, ke la moderna inklino al milito estas atribuenda al la malkontento (plejparte nekonscia) kaŭzata de la reguleco, monotoneco k kvieto de l'moderna vivo. »

Laŭ mi tiuj psikologiaj klarigoj pri militkaŭzo ne estas ĝustaj ; la kaŭzoj estas esence ekonomiaj. Ni vivas en mondo de konkurenco, ne plu kontraŭ la naturo por akiri la viveblon (tiun problemon solvis por ni la kapitalismo). Nia problemo estas distribui tion, kion ni abunde produktas. Ni vivas en mondo de intereskonfliktoj, kie ĉiu lando deziras havi *merkaton* por siaj varoj. En la periodo antaŭ la mondmilito — legantoj eble memoros — estis planoj de ferkapitalistoj konstrui fervojon de Berlino ĝis Bagdado, dum la angloj havis similan planon de tra-afrika fervojo (Kairo ĝis Kabo). Enlande la produktoj ne disvendiĝis, ĉar la lando jam estis industriigita ; ili devis serĉi konstante novajn merkatojn. En tiu dilemo la grandaj potencoj havas nur unu rimedon : militiri unu kontraŭ la alia. Nur pro tiu pelado okazas milito. La kapitalistoj ekspluatas la entuziasmon de naciemaj junuloj, parolante pri honoro, sed celante profiton.

Laŭ Kaŭtski, la germana militista reĝimo celis al milito, instigante la aŭstran registaron fari maksimumajn postulojn al la serboj. Tiel nedemokrata reĝimo, sub instigo de militistoj, ĵetis la mondon en militon. Sed kiel sintenis la lab. partioj ? Ili subtenis siajn apartajn naciajn registarojn. Kaŭtski raportas, ke la germ. socialdemokratoj bazis sin sur la opinion de Engels de 1892, kiam li diris, ke la rusa tiraneco estas multe pli granda malamiko por la laboristoj ol la germana tipo. Ili kredis, ke la germ. imperiestro celis al paco en 1914, dum fakte ĉi tiu instigis aliajn al rapida militiro. La tragedio kuŝas en la maniero, kiel cito de Engels estis utiligata de la germ. socialdemokratoj favore al la « pacemaj inklinoj » de Vilhelmo la II-a ! Ilia laborista devo estus malfidi la pacemon de l'propra reganta klaso k laŭeble rezisti la militismon.

Hitler k Musolini militirus por eviti civil-militon, por logi la atenton for de l'hejmlandaj malfaciloj al iu eksterlanda malamiko. Sed tiu politiko baziĝas siavice ĉefe sur la kapitalista ekonomio mem, kiu ne kapablas solvi siajn problemojn eĉ per milito. Ĝia konstanta celo estas disponi plusvaloron, por akiri profiton.

En la mondmilito la soldatoj batalis en truegoj duonplenaj je flava ŝlimo ; falante en tiujn lagetojn, centoj da nevunditoj perdis la vivon per dronado. Centmiloj da britaj soldatoj tiel batalis en koto, dormis en ĝi, estis alpafataj k mortaĉis en koto. Dum tio okazis, la brita gazetaro superŝutis per laŭdoj la ĉefojn. En la franca armeo (1917), ĉe la tendaro, afiŝoj proklamis, ke la soldatoj intencas rifuzi reiri en la tranĉeojn. Unu bataliono ordonita al la fronto rifuzis. Forpermesitaj soldatoj kantis la *Internacio*-n k postulis pacon. Ribeloj okazis ĉe 16 apartaj korpusoj ; 15 mil rusaj soldatoj senditaj

[1] Ni ne publikigas la detalojn, ĉar ni jam konigis tiajn faktojn plurfoje al la legantoj. — *Red.*

al Francio publike ribelis k estis bombardataj per artilerio, ĝis ili submetiĝis. La signifaj simptomoj, kiuj antaŭis la rusan revolucion, k plejparte la germanan, aperis en Francio jam en 1917.

Nuntempe aeratako estas multe pli potenca armilo ol alia ĝis nun eltrovita, k ŝajne ekzistas neniu protekto kontraŭ ĝiaj surprizatakoj, precipe dum nebulaj noktoj. La atakato povas respondi nur atakante civil-loĝantaron, tiel detruante la moralon. La Ligo de Nacioj jam diskutis diversajn proponojn por malhelpi militon, sed ĉiam malsukcesis, ĉefe ĉar la kapitalistaj intereskonfliktoj paralizas ĝin fari ion ajn. La ŝtatoj ne volas subiĝi al tiu Ligo, ĉiu nur volas uzi ĝin por sia aparta celo. En 1932 ĝi diskutis pri forigo de ofensivarmiloj. Britio diris, ke nur la submarŝipoj estas ofensivaj, tankoj, aeroplanoj ks, estas defendaj. En 1933 la Ligo diskutis internaciigon de civil-aviado, kreon de internacia aerpolico, bojkoton kontraŭ atakŝtato; sed ĉiuj proponoj fiaskis. La ekrego de Hitler ŝajne nervozigis ĉiujn aliajn ŝtatojn. Ili ne plu pensis eĉ pri limigo de l'nacidefenda buĝeto.

Se ni ne sukcesos haltigi tiun militminacon, ni pereos kiel malsaĝaj infanoj, detruitaj per siaj propraj ludiloj — aŭ ni atingos novan k pli feliĉan mondon. Norman Angel asertis, ke socialisto k kapitalisto havas komunan intereson ĉesigi militon, same kiel oni haltigas epidemion. Antaŭ kelkaj jarcentoj Ĝenovo batalis kontraŭ Venecio. Tio ne plus okaza hodiaŭ, sed ankoraŭ milito detruas regionojn de Francio aŭ Germanio. La interbatalo okazas inter suverenaj ŝtatoj, anstataŭ inter regionaj grupoj aŭ civitoj. Al la socialista tezo « Vi neniam havos pacon, ĝis vi havos socialismon », Angel respondas : « Vi neniam havos socialismon, ĝis vi havos pacon ». Li kredas, ke militoj okazas pro apartaj politikoj de suverenaj ŝtatoj, kiuj devus kunfandiĝi en unu tuton.

Dum la produktad-problemo estas solvita de l'kapitalismo, restas al ni socialistoj solvi la distribu-problemon. Por tion fari, la kapitalismo devas fali, kune kun privatposedo super maŝinaro, grundo k varoj, kiu sole kaŭzas militon. Troloĝateco — estas restaĵo de l'estinto; ni traktu ĝin tiele.

I. F.

*Tiel akre...*

Al Verido (19086) en lia letero el Svisio (vidu n-on 4, de 10. VI. 1936) : Mi ĝojas pri via ĝentila atako, ĉar mi mem estas fervojisto, k laŭ vi, nefrato en mizero. Ĉu via sperto vere respegulas la vivadon en unu parto de Svislando ? Mi opinias, ke vi sincere redonis la monon al viaj diversaj « pruntitoj ». Tio estus nur honesta gesto ankaŭ por malamikoj de socialistoj.

Al 5-6 konatuloj k eĉ nekonatuloj en la lastaj dek jaroj mi pruntedonis 3-4 mil frankojn svisajn, de mi ŝparitajn, ĉar mi ne povas vidi bonajn homojn aŭ senlaborulojn mizeraj.

La mono estas hodiaŭ perdita k enviema Verido, mi kredas, ne subtenos min por retrovi iom.

*Amiko tamen.* 16.461.

*Respondo al: « Ĉu la laboristoj timas la edukadon ?*[1] »

Laŭ mi K-do Aldworth supraĵe ekzamenis la problemon. Li ne esploris la psikan demandon. Por penadi, ĉiu homo, eĉ laboristo, ekzamenas unue la rezulton. Inteligenta laboristo, antaŭ ol eniri en lernejo, rigardas ĉirkaŭ si k, vidante la oftan malsukceson de la studema K-do, detenas sin. Ankoraŭ ĉirkaŭ si, li vidas la etburĝan oficiston apenaŭ pagatan pro sia longa studado. Eĉ ofte la oficisto konfidas al li sian malfeliĉan sorton k rigardas kun envio la ŝajne feliĉan laboriston. La penado devas konduki al la feliĉo, al la kvieto. Se ne, ĝi estas neutila k, tiam, la laboristo pravas forlasante la lernejon.

K-do Aldworth pravus, se ni estus en ordigita socio, kie la plej sindonema, la plej klera estus rekompencata por sia laboro. En la nuna sociordo la studema laboristo (almenaŭ en Belgio) ne estas rekompencata. La « kontento pri la farita devo » ne plu sufiĉas hodiaŭ. Oni postulas alion, pli konkretan, pli pozitivan. Se tiu, kiu pleje meritas ĝin, ricevos la bonan salajron, la respekton de l'estroj, la malpliigon de l'labortempo, tiam oni vidos la laboristojn forlasi la « kinejon, la stultan piedpilkludadon, la ĉashundojn, ktp » k eniri en la lernejoj.

La laboristoj ne malinteresiĝos pri la edukado, la lernado, sed, rimarkante la nulajn rezultojn de la studemuloj, ne havas emon zorgi pri sia kulturo.

19 066.

[1] Vd. majan « S. R. ».



## Soci-Politika Panoramo

*Gravaj strikoj en Francio k Belgio.*

Samdate kun la ekrego de la nova « popolfronta » registaro en Francio eksplodis en preskaŭ ĉiuj metioj strikoj, gviditaj de la sindikatoj. La strikoj restis aparte longdaŭraj en la metalurgio k la magazenegoj (bazaroj). Dank' al la laborist-amika sinteno de la nova registaro, *ne* okazis perfortagoj, ekzemple interpuŝiĝoj kun la polico, malgraŭ ke la laboristoj tenis okupitaj la laborejojn k fabrikojn, sur kiuj ili plej ofte hisis en frata najbareco apud la ruĝa standardo la trikoloran de l'Nacio, — signo, kiel profunde radikiĝis la nacieca sento, cetere ne nur tolerata, sed nun eĉ oficiale stimulata de la komunistaj gvidantoj, kiuj agitvorte pledas por « libera, *forta* k feliĉa *Francio* »...

La 40-hora laborsemajno, pagita libertempo, kolektiv-kontraktoj k aliaj sociaj reformoj estas leĝigitaj ; la registaro trovis sufiĉe grandan plimulton por tiuj leĝoj. Aliflanke la faŝistaj Ligoj estas dekrete nuligitaj (inkluzive la Fajrokruca movado, kiu havis iom atentindan amplekson).

En Belgio la situacio estas iom simila, tamen pli malfacila por la laboristoj, kiuj strikas, ĉar la polico ne estas bridata kiel en Francio. Principe la 40-hora semajno estas konkerita.

*Ne venkis plene la kontraŭmilitismo en Meksikio !*

Antaŭ kelkaj monatoj aperis informo en konata franca pacista ĵurnalo, kiu esence diris, ke Meksikio estas la unua lando, kiu plene malarmadas propravole. Fakte, laŭ informo, kiun ni petis k ricevis pri tio de meksikia esp-ista K-do, tio ne estas ĝusta : Meksikio mendas ankoraŭ nuntempe militŝipojn ; ĝi ĵus konstruigis k ricevis kvar ŝipojn el Hispanio, k oni konstruigas pli da ili. La K-do timas, ke Meksikio ankaŭ iĝos imperiisma. La laboristaj aferoj ne statas tiom bone, kiom iuj imagas ; la gvidantoj konservas la dividaĵojn. Tamen la registaro estas sufiĉe laborist-amika, precipe la prezidanto Kardenas. Sed li kondamnigis, antaŭ nelonge, tribunale strikon de fervojistoj, du horojn post ĝia eksplodo. La antagonismo kun Usono restas forta, tamen la *malamo* al usonanoj ne estas profunda (ne komparebla kun la reciproka malamo de francaj k germanaj naciistoj). Cetere kiel turistoj la usonanoj depost du-tri jaroj importas atentindan monsumon en Meksikion...

*Dancigo sub nacisocialista teroro.*

La per la packontrakto kreita, t.n. « libera urbo » Dancigo spertas jam de jaroj ĉiam pli k pli kreskantan ondon da naciista teroro. La naciistoj prezentas hodiaŭ ne pli ol la duonon de la loĝantaro. La alia duono estas preta defendi siajn demokratajn rajtojn. Sed ili ricevas nenian subtenon de la komisiito de l'Ligo de Nacioj, ki administras la teritorion. Sekve regas netolerebla stato. La atakoj de armitaj banditoj estas sennombraj. Ankoraŭ la 10-an k 12-an de junio ĉi-jare alipartianoj, kunvenintaj aŭ farintaj propagandon per flugfolioj, estis atakataj, alpafataj k fie traktataj (inkluzive maljunaj virinoj). Multaj vunditoj devis esti transportataj en hospitalon. La 13-an de junio la nazi-banditoj atakis vilaĝanojn, kiuj tamen bone defendis sin (mortis tri el la atakintoj per siaj propraj armiloj). La faŝista gvidanto (ne-dancigano) publikigas proklamojn, alvokante al pli akra k senindulga teroro. La loĝantaro dume vane atendas protekton de l'registaro k Ligo de Nacioj...

(19.408).

## Ni mencias

Ni ricevis pri *Sovetio*, sed *ne* rekte el *Sovetio*, kelkajn manuskriptojn, kiujn ni mencias ĉi tie laŭ la vico de ilia ricevo, k kies represon ni ne konsideras oportuna, en la intereso de la intertendenca paco, precipe en la momento, kiam la nova Konstitucio de U.S.S.R. elvokas tiom da komentoj en la gazetaro :

1. « En la Sovetia Parlamento » (tradukis K-do I. F. el « News Digest »); priskribo kun komentoj pri la balotprocedo de l'unuanimeco en Sovetio ; 2. « La subpremado en Sovetio » (tradukis K-dino M. Bishoff el gazetkomunikoj de I. A. M. B.) ; cito da faktaro pri koncentrejoj, izolejoj k malliberejoj por politikaj pekuloj ; 3. « Stalin k la Mondrevolucio « (de W. H., trad. Oĉjo) ; komentoj de la 4-a-Internacianoj pri intervjuo de Stalin kun usona ĵurnalisto Hovard ; 4. « Rezolucio pri Sovet-Rusio » de la *Socialista Laborista Partio de Usono* (Tradukis Th. Veder) ; aproba k admira pri la granda laboro de socialista elkonstruado en Rusio, tamen kun rezervoj pri la politiko de Kominterno.

## NOTU, GEKAMARADOJ !

**La venonta numero aperos — pro la SAT-Kongreso komence de aŭgusto — nur ĉ. la 30-a DE AŬGUSTO kiel dumonata (pli ampleksa) numero por aŭgusto-septembro.**

# LITERATURO.

## LA GRANDA RETURNMARŜO DE GRODEK

*R. L.* (13 912).

Okaze de la datreveno pri la Granda Milito (1914-18) oni legos certe kun vigla intereso la sekvantan priskribon de aŭstra K-do, kiu partoprenis la unuajn batalojn en Galicio. La komenco de lia priskribo aperis en la n-oj 18-22 de « S.R. » (antaŭ du jaroj) sub titolo « Antaŭ dudek Jaroj ». Al interesatoj, kiuj tiutempe ne abonis « S.R. », ni povus liveri la koncernajn n-ojn kune por 2.50 fr. fr.

*Red.*




Postlasite kuŝas la bataldezertita terĉifono, kiu ne havis la valoron kompensi al la rusoj iliajn perdojn.

La nigraj tagoj de l'9-a, 10-a k 11-a de septembro 1914 kuŝis depost kvaronhoroj post niaj dorsoj, sed niaj membroj ankoraŭ terurposttremetadis kiel ŝipego postbalancetiĝas post uraganĉeso. Nigraj tagoj, kiuj batis breĉegon en la virprovizon, nigraj tagoj kiuj batis breĉon en nian sanon.

Je la 12-a de septembro, la ĝis neniigo venkitaj, detrubatitaj restaĵoj de la aŭstria armeo formiĝis al granda returnmarŝo, kiu daŭris ĝis la fino de l' sama monato. Venko signifas militfinon, nomiĝis antaŭe la moto, nune ĝi nomiĝas malvenko signifas militdaŭrigon. Ni trompiĝis en niaj esperoj. Tio kreis malĝojon, malbonhumoron k afliktôn.

La ekmarŝo estis por ni ne solena, de gloro k laŭroj ĉirkaŭita triumf- k venkomarŝo. Sur nenies frunto brilis la aŭreolo, sed profundaj terursulkoj. Ĉiam esti venkita mordis je la animo, taŭzis je la ambicio.

La regimentfragmentoj laŭvice stariĝis, oni ja volis scii kiom la hommanĝegemaj bataltagoj restlasis. La « Komercisto » milito faris bilancon. La vicoj en la perditlisto pleniĝis per nigraj krucetoj. Joĉjo, Ruĉjo, Johano, Ludoviko k aliaj ne plu troviĝas inter ni. Bedaŭro trakuris la soldatvicon.

Aŭtomata promociado sen rangaltiĝo okazis. Ĉi tie estas leŭtenanto kompaniestro, tie ĉefserĝento baterikomandanto, kaporalo sekcikomandanto k infanteriano svarmgvidanto.

Staru senmove ! Duobligu la vicojn dekstren. Ni vidis nekonatan brut-aspektan vizaĝon antaŭ ni, kiu komandas nin. Sed la tuta kompanio ne pli nombris ol 22 duoblajn vicojn, 67 iam estis. Kaj tiuj ĉi 22 rotoj[1] ne plu estis plenvaloraj militistoj, sed bataleluzitaj homruinoj.

Kompani' ekmarŝu ! Piedoj leviĝis por eksurpaŝi la vojon riĉe pavimitan per sufero. Nur unu tago da ripozo, fortiga manĝaĵo k kelkaj freŝaj kompletaj regimentoj, tiam ne okazus malglora reiro, opiniis iu oficira falseto. Trenpaŝe ŝoviĝadis malrapide tiu ĉi kaduka homserpentego antaŭen en la landinternon. Ĝi precize egalis funebran procesion, ĉar ĉiu kapo pendis teren kiel iu, kiu esprimas elkoran kondolencon. Por semajnoj ni estos maldungataj de nia militista ofico, ni aŭdis flustri. Tion ni kun ĝojo akceptis. Esti dum semajnoj nemilitisto, signifas ree esti homo kun nobla sento, kun pura konscienco, kun necesa prudento.

Neniaj simptomoj de ĝojsento k gajo loksidis en ni. Senbrue, tute apatie trotadis unu apud la alia, kvazaŭ malpaca stato regis inter la soldataro. Ĉiu opa nur revis pri certa io. Preskaŭ la pensoj estis diveneblaj.

Multaj ekĝemis, mem kulpigis sin, ke ilin la kruela sorto tiom rigore punas, ĉar ili hejme neniam k pri nenio estis kontentaj. Nur ankoraŭ unufoje mi dezirus veni hejmen, oni aŭdis plendi, pri la plej malmulta k la plej malbona mi estus kontenta ; sed la milito havis malmolan koron k surdajn orelojn, ĝi ne aŭdis la plendojn malfalsajn de pento k konfeso.

Silentego regis. De tempo al tempo ĝi interrompiĝis de vipoklako, kiu siblis tra la aero k trafis iun el la Grodekaj batalintoj. Li devis lasi okazi sur sin tiun ĉi humilan traktadon, sen rajti plendi. Tiu ĉi pun- k trakt-metodo trovis ŝatatan aplikon ĉe mia nova kompaniestro. Li ricevis senliman prokuron fidisponi pri ni. Nia legitima kompaniĉefo forlasis nin ĉe Grodek kiel lasta oficiro de la kompanio. Ĉiuj aliaj jam estis mortaj, vunditaj, kaptitaj aŭ neretroveble perditaj, tial ni ricevis oficiron el alia sekcio, kie ankoraŭ kelkaj postrestis.

Baldaŭ ni portis la malĝojehonorigan nomon la « Mortkompanio », ĉar ni estis ĉie, kie batalo plej akre furiozis. Tiu ĉi mia nova ĉefo estis naskita sloveno, fanatika naciulo ; li konsideris nin germandevenajn soldatojn, kiuj troviĝis en la kompanio, ne kiel siajn ŝatindulojn, sed pli vere kiel duonmalamikojn. Tial li eksterordinare brutece ĉikanis nin. Li montris al ni, ke li estas severa oficiro de verto ĝis plando (sed ekster la batalejo). Li igis funde k produktive senti al ni sian despotan potencon.

Li virtuoziĝis je soldattorturado : Se estus ekzistintaj ordeno aŭ premio tiurilate, tiu oficiro estus akirinta la plej altajn. Mia antaŭa estro ankaŭ ne estis anĝelo, pro tio ni lin ofte malbenis k fordeziris,

[1] Unu roto havis kvar virojn.

sed kompare kun nia nuna estro li estis noblulo. « Nur tre malofte sekvas pli bona ol estis la antaŭa ! »

La kompleta pekoregistro fariĝus tro ampleksa, se mi citus ĉiujn faritajn fiaĵojn de tiu sadista mizantropa oficiro. Mi ne volas fari protokolon, en kiu restas eternigitaj liaj senhontaj faroj. Malgranda specimeno tamen montru, ke mi ne povas preteriri, sen devi timi enpoŝigi riproĉon de tiuj, kiuj la citotan devis lasi okazi sur sin.

Ni ne povis klarigi al ni, kial la konduto de l' altranguloj tiel subite ŝanĝiĝis kontraŭ nin ; el tio ni firme konkludis, ke ili unuanime kulpigis nin soldatojn pro tiu malvenko.

Ĉiu laiko ja povis antaŭvidi, ke en ĉiuj bataloj ni devis malvenkiĝi. Kiam la trupo ankoraŭ estis bonnutrita, marŝopova, batalkapabla, ne taŭgis la strategio ; kiam la strategio taŭgis, ne taŭgis la trupo. Do pruvo kiel man'-en-mano strategio kun ekun rapidpovo de l'soldataro devas iri. Strategie mallerta gvidantaro k ege subnutrita soldataro ne povis malhelpi rusan malŝatatan vizitaĉon en Galicio. La katastrofo estis kompleta k ne plu aliigebla. De kolonelo ĝis leŭtenanto, ĉiu bezonis valvon por ellasi akumulitan ĉagrenon, koleron pro lezita honoro kaŭze de neniamaj venkoj, k tiu valvo estis la senrangularo.

Ni simpluloj nek vidis nek aŭdis la konflikton okazintan inter la respondecaj armegvidintoj, reciproke sin kulpigantaj pro tiu lasta malvenkego. Ĉiu altrangulo uzis sian pli malaltrangan kolegon kiel ujon, en kiun li verŝis sian galan troon. La lasta galujo, en kiun verŝiĝis la tuto, estis la ordinara soldato. Superbolinta oficirgalo ne havis guston de mielo, sed de veneno malrapide efikanta. La toleritaj traktado k malsufiĉa nutrado mokas ĉian priskribon.

Estus kontraŭ mia proleta etiketo, se mi revortigus la aŭditajn fivortojn falintajn sur la soldataron. Je indulgo k malindulgo, senrajte, senprotekte ni estis elliveritaj al niaj superranguloj, en kies manoj ni nur estis rompota ludobjekto k uzataj laŭ kaprico. Kompatinda popolo en la hejmo, ci nenion scias pri nia farto. La patrinoj, kiuj donis siajn filojn por defendi la karan hejmon, estis tro malproksimaj de ni, por povi vidi nian suferon, por povi aŭdi nian plendon, por vidi flui niajn larmojn. La okazintaĵoj mem estis la krajono, kiu ĉion travivitan k toleritan precize k detale notis en mian cerban notlibron.

Sen paŭzo oni tramarŝis la unuajn tagojn k noktojn, ni devis krei grandan distancon inter ni k la postmarŝintaj rusoj, por ke ili ne rekte piedpremu nin sur kalkanojn. Oni eĉ ne prenis la necesan mallongan tempon, por disdoni manĝaĵon. Dum tiuj ĉi tagoj ni nutris nin laŭlitere nur el tio, kion ni ambaŭflanke apud la strato sur kampoj trovis. La vulgara nutraĵo ĉefe konsistis el kampofruktoj, kiel terpomoj, greno, fermenta brasiko, aŭ pli bone dirite, ties trunko, ĉar la kapo jam estis formanĝita de tiuj, kiuj marŝis antaŭ ni.

Tiel ni vivis tre severan vegetaran dieton, ĉion en nekuirita stato kiel krudmanĝaĵ-sektanoj.

Sed, ne kredu, miaj karaj legantoj, ke tiu vegetaĵo abundis, male, estis jam aŭtuno, do rikoltsezono, tial multe da kampuloj havis ankoraŭ okazon hejmenveturigi la rikolton, ĉar dum la rikoltotempo tiu ĉi regiono ankoraŭ kuŝis iom malproksima post la batallinio. Nenie plu estis videbla kampularo, nur tie k tie ekaperis tia malpura kampulfiguro. Ĉu la aliaj jam forkuris pro la militfantomo, ĉu ili kaŝiĝis en netrovebla subtera angulo, ni ne eksciis. Marŝante tra vilaĝo ni saltis en negarditaj momentoj el la vicoj, dominternen ; kie pordo tro resistis, puŝbloko devigis ĝin cedi. Okazis domtraserĉado pri io manĝebla, sed orfaj estis domo, korto, grenejo, stalo, for estis kortbirdaro, lakt- k tirbrutaro k rikolto.

Malsato kreskis kun ĉiu horo, soifo ne postrestis, laco egiĝis, fortoforiro montriĝis, k jen, en tiu atmosfero ni finfine ricevis ion por la stomako, ĝi terure fetoris, gustis acida kiel vinagro, tamen ni avide glutegis tiun manĝaĵaĉon. Okuloj serĉis ion sur la tonditaj kampoj, restis fiksitaj al iu punkto, ĝi estis trunko de fermenta brasiko kiu elstaris el la tero. Niaj antaŭmarŝantoj pretervidis ĝin, aliel ĝi neniaokaze plu starus tie. Kvar, kvin, ses soldatoj kuris tien, kie pro la fermenta brasiktrunko ekestis malgranda batalo. Oftfoje iu faris ŝercon, li kuris el la sekcio al iu direkto, kvankam li mem nenion ekvidis, sed tuj kelkaj sekvis lin en malcerto. Ili konjektis, ke la forkurinto ekmalkovris ion. En cirklo ĉirkaŭ la strato, ĝis kie normalaj okuloj povis vidi, ĉiuj verdaĵoj kalvmanĝiĝis de homoj k bestoj. Nur ekster tiu limo ankoraŭ iom troviĝis, ĝin ekvidis tiu kiu havis akrajn vulturokulojn. Por tiu celo ofte lorno trovis utilan aplikon. Plejofte la honora trovinto ne akiris la trovitaĵon. Pro tio ruzulo ŝajne fek-iris flanken, trovinte ion, por esti akompanata de neniu, aŭ la feliĉa trovinto kuris laŭ falsa direkto, por erarigi la kunkurantojn.

La ekipaĵaro ĉiam veturis je iom granda distanco antaŭ ni infanterio. Kiam ĝi staciis, la veturigistoj trovis sufiĉan tempon por ekbruligi fajron k rosti terpomojn, kiuj ja formis la ĉefnutron k universalmanĝaĵon. Komprenemaj oficiroj eĉ rimarkigis, ke, se ni ne hazarde havus terpomojn en sufiĉe granda kvanto, la mortadkatastrofo pro malsato estus ne evitebla.

Kiam la veturilaro estis foririnta, postrestis forbrulintaj bivakfajroj kiel cindramasetoj, en ili ofte ankoraŭ kuŝis, aŭ trorostitaj karbiĝintaj, aŭ nur duonrostitaj terpomoj.

Ĉiam se tia griznigra cindramaseto estis ektrovata, trupo da soldatoj alkuris, pied-disskrapis k traserĉis ĝin. Ja vere, duonrostita terpomo estis delikataĵo kompare kun nenio, kompare kun brasiktrunko, kompare kun malboniĝinta manĝaĵo. La konkeron je tiu delikataĵo kutime antaŭis malbelega batalo. Se io vidiĝis en la disskrapita cindro, kio similis al terpomo, deko aŭ dekduo da manoj eketendiĝis al ĝi. Jes, efektive ! oftfoje fulgonigrita globforma ŝtono, kredita terpomo, estis batalobjekto. Kelkfoje tia cindramaseto inversiĝis k funde traserĉiĝis, k ĉiufoje terpomsimilaj ŝtonoj donis batalkaŭzon.

Tre ofte okazis se nia helpkomandanto vidis kuri soldatojn al tia eksfajro, li galopis al tiu malsatega trupo, batis per rajdvipo sur ilin kiel paŝtisto sur obstinan brutaron. Rapida timema diskuro atestis la respekton antaŭ lia moŝta aŭtoritato.

Iafoje ankaŭ min tentis tia nedifekta cindramaseto. Mi esperis en ĝi trovi malmolan, malvarman trorostitan aŭ duonrostitan terpomon. Anstataŭ trovi la serĉitan, mi rikoltis aron da vipobatoj de mia kapitano, kiu ekvidis min k postrajdis por vipfusiladi min. Kiam mi ekkuris al tiu ĉi fatala cindramaseto, mi miris ke neniu sekvis. Verŝajne mia ĉefo estis en la proksimo k mi pretervidis lin. Estis ja pli grave vidi esperdonan eksfajron ol vidi la brut-konturan kapitanvizaĝon. Lia proksimesto prenis la kuraĝon de miaj samrotanoj por forlasi la formacion. Unu fortika vipobato trafis min sur la kapon, ke la ĉapoviziero krevetis. Mi aprobe duonekridis, ne pro doloro, sed pro furiozo, kolero, indigno subpremitaj.

Kiu donis al ci la permeson forlasi la formacion ?... Ci porkaĉo, kanajlo, porkhundo, li alblekegis min per sia tuta kripovo, k kio ! Ci ne forkuras antaŭ mia

vipo ? k jam siblis la sekvanta bato transverse sur mia kranio, k ankoraŭ unu, k ankoraŭ du rapide sekvantaj, k ankoraŭ unu kiu klakante survizaĝiĝis.

Tio estis klara oficirdokumento Antaŭ vipo ni forkuru kiel malkuraĝuloj, sed en malamikajn kuglaron, bajonetojn ni kuru kiel herooj. Kurioza postulo. Rostita terpomo estis por la prezo de kelkaj vipobatoj tamen malkare aĉetita, malsato estas nevenkebla potenco kiu antaŭ vipo ne kapitulacas.

Bastonado, insultado, sendignigo, malhomigo k fiaĉigado estis niaj meritita distingaĵoj por tio, ke ni oferis nian vivon, sanon, rektajn membrojn, por tio ke ni devis esti tie, kie bonnutritaj orgajnantoj ne volis esti.

Estis veturilar-soldatoj, kiuj kovrinte la propran bezonon je rostterpomoj, ne lasis estingi la fajron, sciante ke ni infanterianoj ne havis okazon fari tian. Antaŭ forlaso de l'restadejo ili metis lignon sur flamojn k terpomojn en la fajron, destinitajn por ni, la infanterio. Tio estis helpverko plej grandsignifa, ĉar ĝi montris veran kamaradecan interligon k helpopreton. Ĉiu tia terpomo estis korsaluto ilia. Se iu feliĉulo manĝis rostitan terpomon, dekoj da enviaj okulparoj avide sekvis ĝin ĝis en la faringon.

Kiel orserĉantoj ni kribris la cindrorestojn k reamasigis ilin, por ŝajnigi al la postmarŝantoj, ke ili ne ankoraŭ estas traserĉitaj. Tiel ekzistis ankoraŭ apud sufero k mizero — moko k petolo.

Ekestis « epidemio », ĝi estis infektema, sed ne per bacilo. Ĝiaj « kaŭzintoj » estis la malplenaj proviantveturiloj k la ankoraŭ pli malplenaj stomakoj. Multaj nomis tiun ĉi epidemion *malsattifo*. Tre ĝuste ! Diletantkuracistoj ekkonis la ĝustan diagnozon.

*(Finota.)*

---

# *Por defendi...*

ROLF JAKOBSEN.

*Por la defendo de*
11 *milionoj da senlaboruloj, Usono konstruas militŝiparon,)*
*Por la defendo de*
*farmistoj, kiuj ne havas semaĵon, senespero, mizero, angoro)*
*inter* 126 *milionoj da loĝantoj*
*necesas* 11*-colaj kanonoj, submarŝipoj,*
*flugmaŝinoj kun senbruaj motoroj. Bomboj.*

*Por la defendo de*
*la gigantaj domaĉkvartaloj, mizere pagataj, malsanaj minlaboristoj,)*
*kaj fulgoplenaj industriinferoj*
*Anglio konstruas novajn militŝipojn:*
60 *torpedŝipojn,* 25 *batalkrozulojn,* 11 *drednaŭtojn*
*dum la tempo de kvar jaroj.*

*Por la defendo de*
*pikdrate baritaj internigejoj,*
6 *milionoj da senlaboruloj,* 60 *milionoj*
*da ĉifonaj homoj baraktantaj en maltrankvilo pro la morgaŭo,)*
*Germanio kreas novan armeon*
*vestitan en novaj uniformoj, odorantaj de ledo k nova ŝtofo)*
*kun efektivaj armiloj, k novaj, sekretaj inventoj,*
*kiuj vigligas la borsojn.*

*El la norvega kompilis Martelo.*

# Saturno restas sur la Tero

Samuelo POLINOV

*(1-a daŭrigo. Vd. la antaŭan n-on)*

*Saturno:* Ŝajnas al mi tre inteligenta solvo al via ekonomia, same kiel al via socia vivmaniero ; kial do via popolo ne akceptas ĝin ?... Ho, atendu, mi ektuŝis iomete la veron. Mi devus esti sciinta, ke la avido, kiu estas enplantita en via popolo, ne permesus al la privilegiuloj malegoiste forlasi sian troabundan riĉaĵon por la profito de la malprivilegiitaj ; sed diru al mi ĉi tion : ĉu la senposeda klaso (mi pensas, kompreneble, pri la laboristoj) konsentus volonte rearanĝi sian vivon en nova ordo de libera socio ?

*Terano:* Vi povus pensi, ke mi ŝercas, se mi diras al vi, ke ĉi tiuj malsuperaj kastoj estus la lastaj por akcepti sociordon, en kiu ili povus vivi laŭ nepra libero k socia egalo.

*Saturno:* Kiel vi klarigas tion, mia kara Terano ?

*Terano:* Por esti tute sincera al vi, mi preskaŭ ne povas doni klarigon.

*Saturno:* Nu, donu al mi minuton el via tempo por pripensi *(li malantaŭenklinas sian kapon, pensas)* — Mi havas ĝin. Estas tiom klare al mi, kiom du k du faras kvar. Vi vidas, ŝajnas esti ennaskita deziro en ĉiu el via raso, iam, iel, leviĝi super siaj kunhomoj — ĉu per oficiala posteno, alta titolo aŭ simple per financa stato —, esperante, ke tia pozicio fine lokos lin en apartan klason k privilegios lin malsuprenrigardi, aŭ eble eĉ superregi subulojn. Alivorte, eĉ la plej malsuperaj el viaj malsuperaj revas pri despotema superregeco.

*Terano:* Via klara rezonado superas ĉion, kion ni Teranoj kapablas imagi.

*Saturno:* Via komplimento estas afable akceptata, sed mi multe preferus fosi pluen en ĉi tiun diskuton ol esti surŝutata per komplimentoj. Diru al mi ĉi tion, do, kian esperon nutras la anarkistoj por okazigi sian senregecan socion ?

*Terano:* La plejmulto el ili fidas al la laŭŝtupa procedo de morala k intelekta persvado.

*Saturno:* Tio, laŭ mia pensmaniero, ne akordas, almenaŭ tiom kiom oni esperas atingi la fincelon.

*Terano:* Kian pruvon vi havas por viaj duboj ?

*Saturno:* Ĝi estas tute klara, mia kara Terano, kiam vi konsideras ĝin per malferma menso. Vi vidas, kiel mi elmontris antaŭe, ke via popolo estas inspirata de ambicia deziro superregi, kvankam mi devas konsenti, ke tia « deziro » estas pli enplantita ol ennaskita. Tute same, pro tio, ke viaj motivoj estas determinitaj de Deziro pli vere ol de racio (memoru ĉi tion : racio estas esprimo de la menso ; deziro, fenomena malŝarĝo de la volo), k tial ke neniom da inteligenta valoro povas esti efektivigata sen inteligenta diligento (ĉerpata el Racio), ĝi fariĝas memevidente certa, ke Racio neeviteble estos cedinta al Deziro ; tial ilia provo al intelekta persvado estas kondamnata al nepra malsukceso.

*Terano:* Ĉu vi do sugestus, ke la anarkistoj trudos sin mem al la socio helpe de armita ribelo ?

*Saturno:* Tio tute ne estas mia ideo. Mi plene komprenas, kiel via nuna socio sin entranĉeigis per armita forto, por ne sugesti tian entreprenon. Revolucio hodiaŭ povas same bone sukcesi, kiel ventomuelilo povas kontraŭstari tertremon.

*Terano:* Sed ĉu ne la fakto, ke socisistemoj estas konstante, aŭ pli vere laŭperiode, nedaŭre ŝanĝigintaj — ĉu per revoluciaj aŭ evoluaj influoj — iel efikas vian kritikan analogion ?

*Saturno:* Mi bazas miajn opiniojn sur tiuj samaj faktoj. La historia fono de viaj transiraj periodoj pruvas konklude la ĝustan punkton de mia argumento. Kiam vi forlasis la Patriarkan epokon de la feŭdaj sistemoj; de tie al kapitalismo; de tie al la izolitaj ŝtatoj socialistaj; de tie al la diversaj formoj de politikaj diktatorecoj, ni vidas, ke ili ĉiuj celas uzurpi povon, kun tendenco al pli alta grado de superrego.

*Terano:* Sed ĉu ne ĉi tiu « uzurpo de povo », pri kiu vi parolas, povas esti atribuata al la organizitaj ŝtatoj, kiuj, pro sia soifo al povo, estas por ĉiam venkintaj la volon de la popolamasoj ?

*Saturno:* Vi treege troigas la Volon de viaj amasoj. Ili fariĝis speco de fetiĉo, kiun vi adoras, iel kiel la primitivuloj adoris siajn lignajn imagaĵojn. Ĉu vi ne vidas, ke ĝuste viaj amasoj, kiuj suferas pro la malnobligo de ekspluato k distingo, ke ĉi tiuj amasoj balotas al povo (mi aludas, kompreneble, al tiuj formoj de politikaj registaroj, kiuj permesas tiajn rajtojn) tiujn samajn regantojn tiranecajn, kiuj malkaŝe konfesas sian aliĝon al la superregantaj fortoj ?

*Terano:* Via majesta rezonado estas multe preter refuto. Tamen plaĉus al mi scii, tial ke vi aprobas la doktrinon de anarkismo kiel prudentan planon por libera socio, kiel vi rekomendus inaŭguri ĝin ?

*Saturno:* Nu, nu, sinjoro Terano, estas ja malfacile respondi al tio. Ni Saturnanoj ne kutimas akcepti aŭ doni konsilojn. Sur nia planedo ĉiu el niaj loĝantoj aranĝas sian vivon laŭ propra kompreno k tial ni povas vivi kiel libera k sendependa popolo, sen esti iel devigataj agi laŭ konsilo aŭ ordono.

*Terano:* Ĉu vi intencas diri, ke ekzistas neniaj regantoj, neniaj registaroj k neniaj ŝtatoj aŭtoritataj sur via planedo ?

*Saturno:* Neniuj, kiaj ajn; ni ne bezonas ilin.

*Terano:* Kaj ĉu vi neniam falis en danĝeron esti supervenkata de reganta klaso ?

*Saturno:* Tio neniam okazis.

*Terano:* Supozu, ni diru, ke grupo el viaj Saturnanoj konspiras por akiri estrecon super via lando Sekvus nature, ke via civitanaro estus devigata submetiĝi al la diktatoraj ordonoj de tiu reganta grupo, do kio ?

*Saturno:* Tio neniam povus okazi. Unue, niaj civitanoj estas tro inteligentaj por indulgi tian malsaĝon, kia estas sin mem kronantaj regantoj super aliaj homoj; due, niaj Saturnanoj estas tro fiera raso por submetiĝi al la maldigno obei la ordonojn de aliaj personoj; k trie, se iam per ia stranga antaŭsigno, kvankam apenaŭ kredebla, iu tia grupo perdas sian mensan ekvilibron k provas trudi sian aŭtoritatan dinastion, ĝi fine estos devigata forlasi la alprenitan aŭtoritaton pro manko de deviga povo.

*Terano:* Se vi pardonas min, sinjoro, via lasta penso estas iom nekomprenebla al mi.

*Saturno:* Vi aludas, kompreneble, al la « manko de deviga povo. »

*Terano:* Tute tiel.

*Saturno:* Tio povas esti tre facile klarigata. Prenu, ekzemple, viajn proprajn organizitajn registarojn; certe ili neniam povus preni al si la devojn trudi sian aŭtoritaton al la regatoj, sed devus fidi al siaj dungitaĉoj por fari tion por ili. Nu, mi ne rifuzas diri al vi, sen provo de fanfarono pri mia raso, ke nia popolo neniam kliniĝus tiom malalte, ke ĝi klabobatus siajn gefratojn ĝis obeo al altrangulo, por tiel gajni la vivrimedojn. Unu afero estas, ke niaj vivuloj hontus fari el klabo-manuzo sian profesion k alia, ili ne bezonas fari tion pro nia senlima distribuo de produktaĵoj. Tiel vi vidas, mia kara Terano, ke ŝtata aŭtoritato, se ĝi stariĝus, daŭrus tre mallonge.

*Terano:* Ĉu ne iuj el via raso provus gajni la vivrimedojn per ajnaj iloj disponeblaj ?

*Saturno:* Ne, mia amiko, la plano de nia socia k ekonomia vivo tiom diferencas de via, ke neniuj el niaj civitanoj bezonas submetiĝi al iaj indignigaĵoj pro vivdona salajro.

*Terano:* Tio ja estas tre interesa; ĉu estus tro trudeme peti pli da klarigoj pri ĝi ?

*Saturno:* Tute ne; laŭfakte, nia vivo sur Saturno estas tiom simpla, ke ĝin kompreni ne bezonigas profundan pensadon. Ĉefe nia sociordo estas dividita laŭ du apartaj kategorioj — fizika k kultura (aŭ spirita, kiel vi nomus la lastan). La fizika konsistas en provizado, kolektive, de necesaj nutroj k rifuĝejo por konservi la korpan forton; la kultura servas, ĉefe, por serĉi spiritan nutron por la menso. Laŭ ĉi tiu aranĝo vi facile povas vidi, kiom malmulte ni bezonas por kunteni korpon k menson; k por Saturnano dungiĝi kiel fort-braka defendanto de aŭtokrata ŝtato estas nepensebla.

*Terano:* Ĉu vi bonvolus informi min plue, kiel vi sukcesas havigi al vi la necesajn nutraĵojn ?

*Saturno:* Per kulturado k konservado de la naturaj riĉaĵoj en nia lando.

*Terano:* Ĉu tie ne ekzistas privataj posedrajtoj de viaj naturaj riĉaĵoj ?

*Saturno:* Estus tro absurde eĉ imagi tian aferon. Neniu Saturnano kuraĝus preni pli ol li k liaj prizorgatoj povas konsumi. Kaj kial sin turni al troa amasigo, kiam Naturo sekurigas ĉiun per abundo ?

*Terano:* Ĉu vi ne havas industriajn entreprenojn sur via planedo ?

*Saturno:* Ni ne bezonas ilin. Mi povas vidi, kiom stultaj vi Teranoj estas — Mi pensas, kompreneble, pri la laborantaj klasoj — foruzi preskaŭ vian tutan vivon por fabriki k produkti artiklojn, varojn, kiuj posedas preskaŭ nenian utilan valoron, krom tiu de ridinda elmontro de vulgara k malplaĉa ornamo. Saturnano estus ridindaĵo de sia komuno, se oni trovus lin lace piediranta al laciga laboro en la daŭro de plena dudeko da tagoj aŭ semajnoj, ĉar la modo postulas striitan vestaron aŭ glaceajn ŝuojn.

*Terano:* Ĉu vi tute ne portas vestojn ?

*Saturno:* Ne, ni tro fieras pro niaj korpaj formoj, por ilin kovri per ĉifona humiligilo.

*Terano:* Ĉu vi ne, en via nuda stato, malobeas al morala etiketo per elmontro de la delikataj organoj — kiuj, pasante, tendencas inciti seksajn pasiojn ?

*Saturno:* Naturo ne kreas ion, pro kio ni bezonus honti. Cetere, inciti al seksaj pasioj..., ni rekonas tion kiel la esencan celon, por kio ĝi dotis nin per ili.

*Terano:* Kaj ĉu ne troviĝas deziro sur Saturno por la multoblaj komfortoj k luksoj, kiujn nia industria civilizo ebligas ?

*Saturno:* Ne. Kion vi Teranoj konsideras luksoj, ni rigardas kiel malbonaĵojn. Certe troviĝas manko de inteligento, se ne efektiva perverso de la sensoj, por plezuriĝi pri etaj adoraĵoj k ofendaj — aŭ pli bone, difektaj — delikataĵoj, al kiuj vi Teranoj emas.

*Terano:* Ĉu vi, Saturnanoj, tute ne serĉas ian distron ekstere de la korpaj bezonoj ?

*Saturno:* Ni certe faras tion; tio estas la plej esenca parto de nia vivo. Sed tion ni trovas en la dua kategorio, la kultura, kiu estas la sola celo de nia spirita ekzisto.

*Terano:* Ĉu vi bonvolos klarigi vian komprenon pri spirita distrado ?

*Saturno:* Kiam niaj materiaj bezonoj — nutro, rifuĝejo, ktp — estas garantiitaj, ni dediĉas nin tute

al la kultura sfero, kiu konsistas en pripensa medito, verkado, diskuto pri planeda k universala problemoj, ĉeesto en la lekciaj haloj, la artaj galerioj, la simfoniaj akademioj aŭ iu ajn el la institutoj, kiuj celas plialtigi la spiriton per kulturaj oferoj. Tiuj, kiuj soifas al senlima scio, sin dediĉas al scienca esploro; kiuj estas artemaj, ili sin turnas al la kreivo de l'artoj k de l'muziko, k kiuj konservas amon al la mirindaĵoj de la Naturo; ili foruzas sian tempon per rigardado al la steloj, la luno k aliaj ĉielaj fenomenoj, se ili ne ĉirkaŭvagas en la arbaro aŭ grimpas sur montpintojn. Unuvorte, escepte de tre limigita malmulto, kiu suferas pro natura mallaboremo, ĉiu trovas sian plezuron sur la aparta kultur-kampo, kiun li adoptis kiel taŭgan por sia estetika gusto. Mi ne bezonas mencii, kompreneble, ke ni ankaŭ ŝparas iom el nia tempo por la senta ĝuado — aŭ, kiel vi nomas tion amaĵumo.

*(Daŭrigota.)*

# LEGENDOJ PRI LAZARO

*Dua rakonto*

EMBA

La malgranda Lazaro dum longaj tagoj restadis en la loĝejo k ne kuraĝis viziti la korton. Provizore li flankenmetis sian planon pri la publika instruo, ke ĉiuj homoj estas fratoj, ĉar la sperto okaze de la unua provo iom teruris lin. Tamen la deziro por interrilati k ludi kun la ceteraj knaboj ne mortis en li, eĉ plifortiĝis. Post la paso de kelkaj tagoj li malrapide forgesadis pri la ricevitaj batoj k sekrete li decidis, ke malgraŭ ĉio okaze li publikigos, en la korto, la instruon «*Ne interbatalu, ĉar ĉiuj homoj estas fratoj*.

Sed nun iu nova problemo okupis lian infanan cerbon Kial la homoj parolas diversajn lingvojn ? La demando ne lasis lin trankvila, k iun tagon, post la tagmanĝo, li demandis la patron.

— Paĉjo, kial la homoj ne parolas unu solan lingvon ?

— Ĉar la dio punis ilin per diverslingveco.

— Kial la dio punis ilin ?

— Ĉar ili volis iri tre supren, por rigardi la sekretojn de la dio.

La malgranda Lazaro enpensiĝis.

— Paĉjo, mi ne volis rigardi la sekretojn de la dio k tamen mi ne komprenas la anojn de la granda trupo en la korto.

La patro ne respondis, kvazaŭ li ne estus aŭdinta la rimarkigon k la malgranda Lazaro trovis, ke ia maljusto okazis al li pro la kulpo de aliaj. Li ja neniel malamis la tri aliajn trupojn en la korto pro la ricevitaj batoj ĉe la granda trupo; eĉ li penis pardoni jam ankaŭ al siaj atakintoj, ĉar ĉiuj homoj estas fratoj, kvankam li neniel spertadis tion en la korto. En la koincido de la diversaj aferoj estis io, kion li neniel povis kompreni, k tio igis lin pensema k timema.

Post semajno li ne plu povis venki sian deziregon por denove iri al la korto, sed nun li zorge evitis la grandan trupon k aliĝis al unu el la tri pli malgrandaj, kiu estis la plej proksima al li. La anoj de tiu ĉi trupo ludadis per butonoj. Li atentoplene observis la tre interesan ludon, sed la interparolon ankaŭ ĉie tie li ne komprenis, kvankam ĝin li divenis laŭ la sono k krakado de la opaj vortoj, ke ĉi tie oni ne tiun lingvon parolas, kiun li aŭdis ĉe la granda trupo. Li avide rigardis la ŝancojn de la ludo k ekscitiĝis kun la ceteraj knaboj, kiuj ne tre atentis lin pro la ebriiga efiko de la ludo.

Post tempopaso la malgranda Lazaro ankaŭ ekhavis tre fortan deziron por ludi. Li komencis serĉadi en la poŝoj, k je sia grandega feliĉo li trovis du ruĝajn butonojn. Tenante ilin inter la fingroj, per mangestoj li penis komprenigi al la aliaj, ke ankaŭ li deziras partopreni la ludon. Kelkaj trupanoj diradis mokajn vortojn pri li, kiel pri fremdulo, sed nia malgranda Lazaro tion ne komprenis k nur ĝojis, ke lia partopreno estis konsentita. Li ĝojis senlime ankaŭ pri tio, ke ĉe tiu ĉi trupo la fratamo jam enradikiĝis. Ho, se li estus sciinta, ke la konsento okazis ekskluzive nur pro la du ruĝaj butonoj k ne pro la bela instruo, ke ĉiuj homoj estas fratoj !...

Li ekludis ĵetadante la butonojn. La hazardo balanciĝis ĉirkaŭ li, ĉar jen li perdis unu-du butonojn, jen tiuj estis regajnitaj de li. Baldaŭ alvenis ankaŭ la tempo, kiam unu el liaj ruĝaj butonoj transmigris



en la privatan posedon de iu alia knabo. Tiun ĉi perdon de la malgranda Lazaro akompanis ĝenerala ĝojesprimo flanke de la trupanoj. Lazaro ne tre bedaŭris sian butonon, ĉar la partopreno en la ludo kaŭzis al li multe pli grandan ĝojon ol la posedo de la belaj butonoj. Tiam la knaboj lokis sur la tero la de li gajnitan butonon k ankoraŭ tri aliajn, k kun fortaj gestoj ili klarigis ion al li, dum ili fingromontris al lia zono. La malgranda Lazaro komprenis nenion k nur ridetante kapjesadis. Fariĝis silento.

La butonoj flugis en la aeron k falis sur la teron...

Fariĝis granda ovacio miksita kun malica ĝojo. La malgranda Lazaro malgajnis. Unu el la knaboj avide prenis la butonojn de sur la tero k postulis de Lazaro ankaŭ la malgajnitajn. Lazaro ridetante donis sian duan ruĝan butonon, sed tiam okazis granda kriado. La knaboj klarigis per la fingroj, ke li devas doni ankoraŭ tri butonojn, ĉar la malgajno estas entute kvar. Lazaro klarigis gestante k ridetante, ke li ne havas pli k ne komprenas ankaŭ la cirkonstancojn.

Tiam ekparolis iu : — La fremdulaĉo ne volas pagi.

— Ni pagigu lin !
— Sur lia zono estas tri butonoj...
— Ni detranĉu ilin...
La knaboj ĉirkaŭis lin atakeme k kriadante. La malgranda Lazaro ekhavis strangajn antaŭsentojn. Li jam spertis unufoje la malbonajn sekvojn de tia ĉirkaŭstaro k komencis rapide paroli petege, eĉ la belan instruon pri la fratamo li menciis en sia lingvo, kiun la ceteraj knaboj ne komprenis, same kiel li ne komprenis iliajn kriojn. Strange, en tiu kriza momento eklumis en lia kapeto la penso, ke mem la dio malebligis la disvastiĝon de la bela instruo per la puno de diverslingveco.

La knaboj kaptis lian zonon k vanis ĉiuj liaj vortoj petaj k klarigantaj, ke ĉiuj homoj estas fratoj la tri butonoj estis brute fortranĉitaj de lia zono. k aldone li ricevis kelke da batoj al siaj ripoj.

Inter terure premaj sentoj k batoj ricevitaj de ĉiu flanko li forkuris. La detranĉitaj butonoj ne plu tenis lian pantaloneton, kiu ĉe ĉiu paŝo malsupreniĝis k fine kvazaŭ kateno malebligis la kuron. La eta Lazaro subite falis. La vizaĝo pleniĝis per polvo k kiam li baraktis por povi ekstari, la subvestô ekblankis sur lia postaĵeto.

— Ha, ha, ha ! — ridegis la trupo, vidante lian strangan situacion. La okuloj de Lazaro pleniĝis per larmoj.

— Rigardu la fremdulaĉon, meze flavas lia kalsono ! — kriegis la knaboj, alkurante, k faris rondon ĉirkaŭ li.

— Kraĉu al lia postaĵo, — proponis iu ridaĉante.

— Ha, ha, ha ! Ni kraĉu !

La ĉirkaŭstarantoj ekkraĉadis blekante, k kanibale ili ekdancis ĉirkaŭ la kompatindulo.

La bruado alvokis la atenton ankaŭ de la granda trupo, kiu ludis en la kontraŭa angulo de l'korto. Iu ekkriis

— Knaboj, rigardu la rusaĉojn !

— Ni dispelu ilin, — proponis iu batalemulo.

La tuta trupo ekkuris, k momenton poste ĉirkaŭ la malgranda Lazaro ekestis sovaĝa interbatado. Inter ĥaosa kriado k veoj li ricevis aron da piedpuŝoj al la ripoj k tretopremojn sur ĉiuj korpopartoj, sed momentojn poste la loko de la batalfronto ŝanĝiĝis, k plorante li sukcesis forsavi sin, dum la lukto inter la du trupoj ankoraŭ sovaĝe daŭris.

Ne parolante pri la ricevitaj batoj, kun grandaj malespero k kordoloro li atingis la ŝtuparon, kie li haltis por ordigi la veston k faligi larmojn, antaŭ ol supreniri al la loĝejo.

El la tuta katastrofo li komprenis nenion. Nur li sentis, ke okazis al li granda maljustaĵo, ĉar li iris al la ludantoj kun apostole bonaj intencoj.

Post kelkaj momentoj, kiam liaj larmoj elĉerpiĝis, li rerigardis al la korto k vidis, ke la interbatado ankoraŭ pluas k li aŭdis ekkriojn sovaĝajn en du malsamaj, sed por li egale nekompreneblaj lingvoj. Kelkajn momentojn ankoraŭ li rigardis la luktantojn malgaje k kun peza koro. Poste li ekiris supren, sed ĉe la lasta rerigardo ia konjekto, ia malklara penso eknestis en lia kapeto.

— Mi demandos la patron, kial la knaboj ne parolantaj la saman lingvon, estas malamikaj inter si k interbatiĝas — li pensis ĝeme k malaperis ĉe la kurbiĝo de l'ŝtuparo.

## NIA POŜTO

*18 490.* — Ne, ni rekopias maŝine manskribaĵojn; sed ĝustas, la presisto postulas unuflanke surkskribitajn foliojn. Artikolo aperos en " S-ulo ".

*19 840.* — Dankon pro interesa letero.

*H. J. S.* — " Ĉu merito ? " en la venonta n-o.

# MISTIKO

Renato Dehe (R. Deshays)

(2-a daŭrigo)

Vi scias, ke niatempe la mistikuloj ĉiusektaj estas ankoraŭ multaj en ĉiu lando. Mi parolos al vi nek pri aperoj de la Virgulino, nek pri « Krista Scienco » *(Christian Science)*, nek pri scienculo k artisto k precipe « vidanto » Ŝtajner, fondinto de Antropozofio, kiu havas templon en Dornaĥ (Svisio). Urĝas memorigi, ke la mistikismo ekzistas ankaŭ ekster la religioj.

Sejer (Seillère) pristudis ĝin en dokumentriĉaj verkoj. Per iom misuza pliampleksigo de l'vorto, li miksas kun mistikismo politikan imperiismon, tial ke ĝi devenas de instinkta sento ; k tiusence, depost Pegŭi, oni parolas ankaŭ pri respublikana, sindikatista, faŝista mistiko por signifi vokon al neanalizebla sentimento. Sed en filozofiaj serĉadoj oni devas konservi la precizan sencon de la vortoj. Kaj la sama Sejer obeas tiun regulon, kiam li pristudas la mistikismon de l' pasio ĉe verkistoj, kies sentado suferis vere krizojn, kiel J.-J. Ruso (Rousseau).

La unuaj leteroj, el kiuj konsistas la romano *La nova Heloïse* estis verkataj sub influo de ekstaza revo, kiun Ruso havis printempe de 1757, en la Ermitejo apud Montmorenci ĉe S-ino de Epineo. En tiu revo k multaj revadoj sekvintaj, li loĝigis en la naturo estaĵojn konformajn al sia koro, memorojn pri junulinoj k belulinoj, inter kiuj tiu S-ino de Hudeto, kiun li sensukcese penis malfideligi al ŝia edzo, fakto jam efektiva, k al ŝia amanto. La adoro al naturo ludis ĉe Ruso rolon preparan por intelekta orientado, kiel kredo ĉe kredantoj ; k la ĝuema elemento ne estis kaŝita. La rezulto estas konita diigo de la pasio, kiu ĉion permesas k senkulpigas

« Voĉo de l'koro », « Inklino de la naturo », « Eterna dekreto de l'ĉielo destinas nin unu al la alia »...

Teorio tre disvastigita pro sia oportuno. Neniu pli nete montris ĝian hipokriton ol Ruso mem ĉe la fino de sia romano.

Alia interesa temo de la studoj de Sejer estas la angla poeto Bajron, kiu verkis sub influo de forraviĝoj propradire. Vi aŭskultu liajn konfidencojn « Poezio estas ĉe homo kapablo aŭ pli ĝuste animo aparta, k ne pli rilatas kun la ĉiutaga individuo ol la inspiro de la Sibilo restas, post kiam ŝi forlasis la tripiedon. »

Kaj ni estus kondukataj al la granda diskuto el ĉi tiuj lastaj jaroj pri la pura poezio, frato de la preĝo.

Sed mi havas tempon nur por aldoni al tiu simpla listo grandan nomon, Niĉe (Nietzsche).

Jam de la tempo de sia literatura instruado, li estis logata de la greka mistikismo : li jam ekkonis la grekan genion kiel dividitan inter la Dioniza spirito, kiu personigas la senbridajn instinktojn, k la Apolona spirito, ordiga racio.

Poste Niĉe, lacigita, malsana k senripoze laboranta, havis viziojn k krizojn.

En 1881, aŭguste, en Engadino, ĉe Surlej apud la lago de Silvaplana, vizio malkaŝis al li la ĉefideon de lia lasta doktrino, la Eternan Revenon. Ne ĉar li estis neniam revinta pri ĝi ne ĉar tiu ideo estis nekonata de l'antikvuloj : sed, preparite per legoj k meditoj, ĝi subite eksplodis en la konscion, kiel la *Eŭreka* de Arkimedo, kun sento de pasiveco k triumfo.

Sammaniere, en la j. 1882, januare, li vidis ĉe Portofino en Italio la ĉefpersonon de sia poemo, Zaratustra

Mi sidis k atendis, nenion atendante
Transe de bon' k malbono, ĝuante

Lumon jen k jen la ombron, kaptate de tiu ludo,
Fariĝinta maro, tagmezo k pura daŭro, sen intenco,
Kiam subite, amikino, la unika fariĝis du
K Zaratustra pasis apud mi.

Kaj tiu loko en *Ecce Homo*, kie unu el la plej sagacaj kritikistoj en la moderna mondo observas en si mem mistikan staton plej karakterizan

La vorto revelacio, se ĝi signifas ke subite, kun nedirebla certo k nedirebla delikato io vidiĝas, aŭdiĝas, io vin profunde skuanta k sternanta, apenaŭ sufiĉus por priskribi la faktojn.
Oni aŭdas, oni ne plu serĉas ; oni plenmane prenas, oni ne demandas sin, kiu donas. Penso lumigas vin kiel fulmo, kun neceso, k ne lasas heziton pri la formo. Mi neniam povis elekti.
Estas forraviĝo, kies mirakla streĉo traboras vojon foje per torentaj larmoj...
Oni estas perfekte ekster si, kun plej klara konscio pri sennombraj delikataj ektremoj, pri fluegoj kiuj trakuras vin ĝis la piedfingroj.
Estas profundo de beato...
Jen mia sperto de l'inspiriĝo.

En la j. 1889 estas vere deliro. En ekstazo Niĉe kredas sin fariĝinta Dionizo k la Krucumito. Li estis ĉiam doninta al la figuro de Jesuo ian admiron, ian personan amikecon, k en siaj plej akraj atakoj kontraŭ la kristanismo, li estis konservinta al Kristo ian delikaton. Krome, la Bakusaj misteroj en Grekio naskis iajn legendojn, kiuj prezentis tiun dion, sub nomo Zagreo, kiel memvolan viktimon por la savo de l' homoj. Tiel tiu kunligo klariĝas. Post apopleksia krizo, la frenezo fariĝis nekuracebla. Niĉe subskribis leteretojn « Dionizo » aŭ « la Krucumito ». Li vivadis tiel ĝis jaro 1900 inter la unuaj radioj de sia gloro.

Ni scivole, simpatie sekvis la mizeran k grandecan vivon de la mistikuloj ; nun ni penu por klare vidi tra tiu mirinda k konfuza elsputado, por distingi la naturon k la rezulton de tiuj asertaj ekĵetoj, lasante ĝustan lokon al malfido, kiu estas nur zorgo pri ekzakto, k, en belaj kazoj, al admiro, kiu gardos nin kontraŭ mallarĝemo.

Antaŭdemando. Mi legas en unu el la kajeroj de l' franca revuo *La Nova Tago*, dediĉita al la mistikismo, tiun gravan deklaron : « Eĉ el vidpunkto ankoraŭ nur eksperimenta, neniam estos bonmetode k precize vere, trakti religiajn aferojn malreligieme aŭ senreligie. »

Se sufiĉas al s-o Maŭrico Blondel atentigi la nekredantojn kontraŭ surfaca k trorapida observo de la religiaj faktoj en iliaj malsimplaj k delikataj nuancoj, lia averto estas zorginda ; kvankam la plej profundaj psikologoj ne nepre spertis mem la sentojn, kiujn ili priskribas. Sed rifuzi al la racio ĝian rigardan k analizan rajton, pri tio oni ne devas pensi : ĉu ni akceptos, ke doktrino povas esti juĝata nur de siaj partianoj ?

Aliparte la katolika teologio instruas, ke la homo estas kondukata unue de la natura racio, kiu preparas laboron perfektigotan de la kredo. Plie, estas pluraj religioj en la mondo, k ĉiu el ili kredeble permesos al ni racie kritiki la mistikismon ĉe la aliaj. Fine, la mistika fakto ne estas ekskluzive religia : ni renkontis ĝin ĉe filozofoj k artistoj, k eble ĝi estas multe pli ĝenerala ol oni pensas.

Ni ne longe haltos ĉe la vizioj, kiuj ne aperas ĉe ĉiuj mistikuloj. Kiel ajn oni interpretas ilin, ne estas kontestate, ke ili estas konstruitaj sur memoraĵoj, konformaj al tradicioj, kopiitaj kelkafoje laŭ religiaj artaĵoj, kiel ĉe S. Tereza de Avila, k nune ĉe Maks Jakob. Same estas pri famaj aŭdaj okazaĵoj, pri la « voĉoj », esprimantaj ĉu aspiron de animo, ĉu deziron de tuta popolo.

Iru ni rekte al la centra demando, al la ekstazo.

Kaj unue, ĉu ekstazo riĉigas nian konon ? Ĉu ĝi alportas al la penso komunikeblajn liveraĵojn ?

Ne, en ekstazo, perdo de konscio, oni povas trovi nek klaron nek certon. S. Tereza, kiel delikata psikologo, konfesas ja tion, en tiu paĝo kie ŝi parolas pri si triapersone : « Kiel ŝi vidis k aŭdis, ke ŝi estas en Dio, ĉar en tiu stato ŝi nek vidas, nek aŭdas ? Mi ne diras, ke tiam ŝi vidis tion, sed ke poste ŝi klare vidas, k ne per vizio, sed per konvinkiĝo kiu restas en ŝi k kiun nur Dio povas doni. »

Oni ne povas diri pli klare, ke tie ĉi estas posta interpreto.

La deklaro de protestanto, Karlo Sekretan, ne estas malpli firma : « Restis al ni nenio krom ekscito de nedirebla ĝojo. » Jam Aristotelo diris pri la misteroj en Eleŭzo : « Temas pri sento, ne pri scio. » La teologio konfesas tion k lokas la ekstazon sur kampon tute alian ol la intelektaj agadoj.

Ni do reprenu la tezon de l'hindaj saĝuloj, de pseŭda Dionizo Areopagano, de S. Johano de la Kruco, k ni demandu : ĉu ekstazo efektivigas, trans inteligento k konscio, unuiĝon kun superega, absoluta realo, nomata aŭ Dio, aŭ animo de l' mondo, aŭ universala vivo, aŭ simple Esto ?

Ĉar tie estas la centro de la doktrino, kie ĉiuj mistikuloj renkontiĝas, de la plej ardaj ĝis la plej revemaj.

« Evidento de kontakto supervaloras ĉiujn rezonadojn », diras Sekretan. « Estis en mallumo ĉeesto, kiun mi tiom pli sentis ke ĝi estis nevidebla. » Kaj la milda Amielo : « Oni portas la mondon en sia brusto, oni atingas la stelojn, oni posedas la senfinon, oni sentas sin tiel granda, kiel la universo k kiel Dio. »

Jen parto de prediko de budaista abato, eldonita en Ĉikago en 1906. « La lumigo, el kiu konsistas la bazo de la religia vivo, estas tute spirita, ne intelekta. Verdire, ĝi posedas nur subjektivan valoron, tamen tiu valoro estas ĝusta, tiel definitiva k reala kiel tiu de la sentuma percepto. » Vilhelmo Ĝemz (James), en sia fama libro pri *Religia eksperimento*, akceptas tiujn atestojn k deklaras : « La mistikaj eksperimentoj estas senperaj intuicioj tute kiel niaj sensacioj... Sume, la mistika eksperimento estas neatakebla.

Ne ŝajnas eble al mi subskribi tiun tutecan alprenon. Inter sensacio k ekstazo estas ĝustadire abismo. Sensacio estas komunikebla : vi klarigas al najbaro la formon k la ecojn de la ekstera objekto, la ondadojn k la nuancojn de la interna stato. Male, la mistika lumigo estas nedirebla, neesprimebla. Ni bonvolas ja kredi tiun ateston, sed ni ne scias pri kio ĝi atestas.

Plie la sentuma percepto estas kontrolebla. Metu vin en la situacion k en la kondiĉojn, je kiuj mi faris la eksperimenton : ankaŭ vi faros ĝin ; se ne, mi malbone difinis tiujn kondiĉojn k mia eksperimento ne valoras.

Nu, oni diras al ni, estas kontrolo de la religia eksperimento per ekstazo, ĉar tiuj, kiuj faris tiun eksperimenton, la mistikuloj, ĉiuj sentis k proklamis rezultojn akordajn. Tiuj, kiuj ne faris ĝin, ne havas parolrajton.

— Pardonu. Ili parolas por demandi, kiel la eksperimento estis kondukata, k por serĉi tion, kion oni povas konkludi el ĝi. Ĉu en mistikismo ne estus memmistifiko ?

La mistikuloj estas kredantoj, kiuj atendas Dion, k al kiuj iliaj dogmoj promesas vivon en Dio en supernatura mondo, unike vera. Ili estas antaŭpreparitaj, kutime de l'infanaĝo, kondukitaj per la metoda sugesto de preĝo k ekstazo por ricevi tiun Gracon en ĝojega unuiĝo. Kiel ili ne kredus trovi ĝin en la forraviĝo de l'ekstazo ?

Tie, permesu al mi personan memoron.

Mi estis ĉe liceo en Parizo post la abiturienta diplomo, lernanto de literaturo, kun emo al filozofio. Mi estis veninta por la Pentekosta libertempo al miaj geavoj. Promeninte for de l'urbeto, mi ebriiĝis per parfuma aero k soleco. Klinate al herbo k rigardante florojn, mi subite perceptis en tiuj stelaspektaj koroloj, en tiuj simetriaj formoj, en tiu vivanta geometrio, la bildon mem de mia spirito kun ĝiaj leĝoj, ĝia strukturo, ĝiaj kalkuloj. Tio estis revelacio, neforgesebla frapo. Se, anstataŭ modesta studento, tiu fajrero, spruĉinte inter ideo kovita sub revado k fervora sentumo, estus ekbrulinta en animo de apostolo, kiaj flamekĵetoj, kia incensa nubo ! De tiaj fumaj fulmadoj, kio refalas al ni ? figurplenaj vortoj, varmaj metaforoj.

*(Daŭrigota.)*

# SCIENCO

## ANTISUGESTIO

(1-a daŭrigo. Vd. la antaŭlastan n-on.)

*Perceptoj*[1]

Konscio per si mem ne ekzistas. Ni ekkonas, ke ni ekzistas, ke ni havas konscion *nur* tiam, kiam iamaniere ekestas sento *(Gefühl)*, percepto *(Empfindung)* aŭ imago *(Vorstellung)*. La konsci-enhavo kombiniĝas el *perceptoj*, *imagoj* k *sentoj*. Ni ne povas imagi ion, kion ni neniam perceptis per iu el niaj 5 sentumoj. Sed kompreneble, per komparo k kombino de perceptitaĵo k rememoro pri ĉi tio, ni povas formi novajn, fakte ne ekzistantajn aferojn. Ekz., ni povas imagi ruĝan kornon — nature ne ekzistantan — pere de kombino de natura korno k ruĝa koloro (abstraktaj imagoj).

Do, la fundamento de niaj imagoj estas la *perceptoj* k *sentoj*, kiuj estas elvokataj per ekscitoj *(Reize)*, ekz. son-, lum-ondoj ktp., en la ekscitiĝema substanco. Ĉiu ekscitiĝo postlasas signon (ŝanĝon) en la ekscitiĝema substanco (mallongigite : *eksc. subs.*).

Ĉi tiun ŝanĝon ni nomu *engramo*. Tio estas engravuriĝo, daŭre restanta impreso de iu percepto.

Ĉiumomente efikas tuta vico da diversaj *ekzogenaj* k *endogenaj* ekscitiĝoj samtempe sur la eksc. substancon k engravuras kune engramon, do kompleksigitan engramon kun ĝiaj opaj komponantoj. La opajn engramojn oni povas kompari kun filmbildo, la tutan filmrubandon kun la trapasita vivo. La rubando kuras seninterrompe, ankaŭ kiam ni ne konsciiĝas ricevi impresojn. Ĉi tiun rubandon (akiritaj k hereditaj engramoj) ni nomu *mnemo*-memoro sumo de l'spertoj.

Ni nur povas imagi tion, kio postlasis engramojn. Kaj ĉar ni sen niaj engramoj nenion posedas, kio nin povus informi pri la scio de la medio, ĉiu prezentas al si la medion, la okazintaĵojn aliel (reciproka nekompreno). Kaj fakte el tio rezultas la miskomprenoj, la diverstendencaj movadoj, partioj, sektoj ktp. Ĉio ĉi povus esti evitata, se ni konus la verajn kaŭzon k motivojn de la konduto de l'aliaj. Ĉe ĉiu embaraso ni unue devus demandi nin *Kial ? kial estas tiel k ne aliel ?*

Ni nur tion povas pensi, kio estas asociita (ligita) kun iu estanta konsci-enhavo. La diferencon inter *origina* k *mnema* perceptoj ni ekkonas *nur* subjektive per la grado de viglo. Ĝenerale la origina percepto (t.e. okazinta la unuan fojon) estas pli vigla, sed ne ĉiam, ĉar en la hipnoto ekz. la viglo de l'mnema percepto-imago povas esti tiom forta, ke oni kredas, eĉ konvinkiĝas fakte percepti realaĵon.

¡Ni ripetu : Origina percepto estiĝas pere de ekscitiĝo de la eksc. subs. per estantaj (nunaj) ekscitoj de unu el niaj sentumoj. La imago estas la sekvo de ekscitiĝo, okazinta pere de *ekforio*, t. e. elvoko de engramo.

Ĉiu per ekscito ekforiita (elvokita) origin-ekscitiĝo, kiu estiĝas ne la unuan fojon, ekforias samtempe alian engramon, t.e. elvokas alian mneman ekscitiĝon. En la konscio nur aperas unu percepto, sed kun aparta karaktero. Ekzemple, ni renkontas personon, kiun ni jam iam vidis. La origin-ekscitiĝo okazinta per la ekvido de la persono, kun-ekforias samtempe tiun engramon, kiu ĉe la lasta renkontiĝo engravuriĝis ni havas la impreson, ke ni konas lin.

Same ankaŭ mnemaj ekscitiĝoj povas kunekforii aliajn mnemojn. Do ĉe ĉiu percepto, kiu aperas ne la unuan fojon, almenaŭ ekzistas du ekscitiĝoj. Aliel ni tute ne posedus abstraktajn ideojn, memoron aŭ ekkonon. Sed tio plie signifas, ke ni la aferojn ne objektive tiel perceptas, kiel ili efektive estas, ĉar ili same ankaŭ dependas de la kunekforiitaj engramoj k influas niajn momentajn originajn perceptojn.

Ĉar ni povus posedi nek ekkonon, nek imagon aŭ iun ajn scion, kiuj ne estas deduktitaj de originaj perceptoj, ni severe devas kontroli niajn ideojn, ĉu ili baziĝas sur perceptaĵo, aliel ili estas sensencaj. Kaj la sekvo estas, ke sur unu erara aŭ malĝusta ideo konstruiĝas ĉiuj sekvantaj.

*(Daŭrigota)* *G. Ŝive.*

[1] La aŭtoro faras neprecizan diferencon inter *Empfindung* (percepto) k *Gefühl* (sento). La unua pli proksimiĝas al *Wahrnehmung* (percepto) k eĉ ofte samsignifas.

# Sub la Sagoj de l' Kritiko



UPTON SINCLAIR *Petrolo ! (Unua Parto)*. Tradukis *W. Bailey*. (Populara Esp-Biblioteko n-o 11). Eld. The British Esp. Association, 142, High Holborn, London W.C.1. — 306 paĝoj. Form. 12 × 18,5. Prezo : 3/6 ŝil., afranko 6 p. (Bindita).

Kvankam temas nur pri la unua volumo de tiu ampleksa verko de Sinkler, ni jam povas formi al ni juĝon pri la libro, post ties lego. Ĝi posedas ĉiujn kvalitojn de Sinkler, kiujn ni admiras en liaj multaj verkoj : vigla, pasiiga, iom sarkasma stilo, fortesprima, pentra lingvaĵo, klara strukturo de la temo, plenfronta atako al la fuŝ-ordo de nia socio. La organizita batalo inter kapitalo k laboro estas ĉiam la kulmino de lia priskribo, ankaŭ en « Petrolo », kiu montras la evoluon de petrolmagnato, lian menson, liajn aspirojn k lian batalmanieron. Ni vidas la postkulisan laboron de l'grandaj kapitalistoj, la veraj regantoj eĉ en « demokrata » ŝtato. Majstre prezentita estas la kontrasto inter patro k filo, — la patro : malvarmsanga praktikulo, kalkulanta k monavida, ankaŭ riskema k novema rilate teknikon, — la filo idealista, sentema, amiko de l'subpremitoj, serĉanta juston. Streĉe interesaj ankaŭ la priskriboj de l'petrolĉerpado. Karakteriza por la filozofio de Sinkler jena frazo (p. 116) : « Ne estas facila afero vivadi en la spirito, kiam oni ne havas sufiĉan manĝaĵon ! »

La lingvo de l'traduko estas ĝenerale glata, — malgraŭ kelkaj netradukeblaj amerikanismoj. Ni notis tamen plurajn gramatikajn malkorektaĵojn, ekz. : pĝ. 37, 81, 166, *lia* aŭ *ilia* estas uzitaj anstataŭ *sia* ; p. 103, entrudi, anst. *entrudiĝi* ; p. 110, sin etendiĝis, anst. *sin etendis* ; p. 152 evoluos, anst. *evoluiĝos* ; p. 222, 233 k aliloke, la preterito en dependa frazo estas erare uzita anstataŭ la prezenco (*-is* anst. *-as*). P. 209 ni legas nokorektan frazkonstruon : « La striko estis anoncita komenciĝi je la tagmezo », anst. « Estis anoncite, ke la striko... » aŭ « La komenciĝo de la striko estis anoncita por... ».

La vorton (ter)*kulturi* la tradukinto anstataŭis per neologismo : *kultivi* (laŭ mi malnecesa). Teknikaj neologismoj meritus piedpaĝan klarigon : *enspudi* (enmeti filtrilon en petrol-puto), *bangalo* (amerika kabano), *basbalisto* (pilkludisto), *pampelmo* (ĉu frukto ? p. 71), ktp.

Entute tre leginda libro, kies duan parton ni plezure atendas.

*N. B.*

*Le Gérant :* L. GLODEAU.
PRES. GRANCHAMP, ANNEMASSE — 712-7-36.